# LITERATURA Mondo

TRIA PERIODO — TRIA JARO — 1—2





REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO: BUDAPEST, VIII. RÖKK SZILÁRD-STR. 28. HUNGARIO

# PREZARO

**Prezoj estas montritaj en USA-dolaroj**

| | Bind. | Broŝ. |
|---|---|---|
| K. Kalocsay: | | |
| **STREĈITA KORDO* . . . | | 1.20 |
| Madách—K. Kalocsay: | | |
| *TRAGEDIO DE L' HOMO* . | | 1.— |
| K. Kalocsay—Dante: | | |
| *INFERO* . . . . . . . . | 2.50 | 2.— |
| K. Kalocsay: | | |
| *ARTHISTORIO I* . . . | | 2.80 |
| K. Kalocsay—Waringhien: | | |
| **PARNASA GVIDLIBRO* . . | | 1.— |
| Bleier—Kökény—Ŝirjaev: | | |
| **ENCIKLOPEDIO DE ESP.* | | |
| vol. I—II. ilustrita . . . . . | Elĉerpiĝis | |
| Nur la II-a vol. ilustrita . . . | | 5.— |
| Sen ilustraĵoj, vol. I—II. . . | | 6.— |
| L. Tárkony (Totsche): | | |
| *DE PAĜO AL PAĜO* . . . | 1.20 | —.90 |
| K. Kalocsay: | | |
| *DEKDU POETOJ* . . . . . . | 1.20 | —.75 |
| E. Aisberg: | | |
| *FINE MI KOMPRENAS LA RADION* . . . . . . . . | | 1.40 |
| E. Wiesenfeld: | | |
| *VERKARO DE FEZ* . . . . | | 2.— |
| Van Loon—Saville: | | |
| *RIGARDU LA TERON* . . . | | 4.— |

| | Bind. | Broŝ. |
|---|---|---|
| Kalocsay—Baghy: | | |
| *ARĜENTA DUOPO*, jubilea libro, I-a volumo . . . . . | | 1.30 |
| Muzik-notoj de la II-a volumo (Kantoj de Baghy—Kalocsay) . | | —.50 |
| A. Baur: | | |
| *SVISA ANTOLOGIO* . . . . | 4.60 | 4.— |
| K. Kalocsay: | | |
| *RIMPORTRETOJ* . . . . . | | —.40 |
| Asch—Lejzerovicz: | | |
| *SORĈISTINO EL KASTILIO* . | 1.50 | 1.— |
| Grenkamp—Bzrekowski: | | |
| *PRI L' MODERNA ARTO* . . | 1.— | |
| T. Herzl—B. Selzer: | | |
| *LA JUDA ŜTATO* . . . . . | | —.90 |
| Adamson: | | |
| *AULI* . . . . . . . . . | | —.60 |
| I. Lejzerovicz: | | |
| *EL LA VERDA BIBLIO* . . | —.70 | —.40 |
| Jerome—Badash: | | |
| *TRI HOMOJ EN BOATO* . . | 1.90 | 1.40 |
| Kikuĉi—Ŝimomura: | | |
| *AMO DE TOOĴUURO* . . . . | | —.40 |
| Goethe—Kalocsay: | | |
| *ROMAJ ELEGIOJ* . . . . . | —.80 | —.60 |
| N. Kurzens: | | |
| *MIA SPEKTRO* . . . . . . | | —.50 |
| Bleier—Cense: | | |
| *ORA LIBRO DE LA ESPERANTO-MOVADO* . . . . . | | 1.— |

Aldonu 10% por afranko
Ni respondecas nur por rekomenditaj sendaĵoj.
Rekomendo por pakaĵo —.20 USA-dolaroj.

*Rimarko:* La kovrilpaĝoj de la libroj markitaj per*, perdiĝis pro la militaj okazintaĵoj. Tial ili havas simplan karton-kovrilon, sen ajna surskribo.

Provnumeroj de Literatura Monda kontraŭ 2 respondkuponoj.
Librojn mendu ĉe niaj reprezentantoj aŭ ĉe via libristo.

# Banu vin, mia Bela

R. Rossetti.

„Do, estimindaj fraŭlinoj, tio estis la fama abatejo", diris Marius. „Diablo! kvankam mi loĝas ĉi tie jam de jaroj, mi neniam antaŭe tiel okupis min pri ĝi! Mi konsilas vin, ĉarmaj floroj, se iam vi deziros informiĝi pri la vidindaĵoj de iu urbo, ne demandu al dudek jarojn enloĝanto — turnu vin al unu tagon trapasanta turisto!"

„Vi vin kalumnias, Marius," diris Anna per sia bela, profunde sonora voĉo. „Vi estas eminenta gvidanto kaj bonege nin trakondukis."

„Jes kaj bis!" vigle konsentis Majo. „Kiel vi dirus laŭ via cerbomuŝo, tio estis *tre boni*. — Kaj nun, Marius, mi deziras rapide danki vin por la vizito al via urbo, por la ĉarma manĝo kaj la aminda kompanio — ĉar nun mi devas foriri."

„Kio? Vi foriras? Vi ambaŭ? Sed mi ankoraŭ ne alkondukis vin al mia hejmo!" diris Marius malĝoje.

„Ne, mi ne foriras," diris Anna per tiu mirinda voĉo de violonĉelo.

„Nur mi," aldonis Majo rapide. „Pardonu, Marius, mia bonuĉjo, sed nepras. Foriros trajno post dek kvin minutoj. Mi bone ĝin trafos. Nu, manpremon kaj — ĝis!"

„Cu ni ne akompanu vin al la stacidomo?" dubis Marius.

„Ne, mi petas vin, estu senĝenaj! Mi bone konas la vojon kaj tempo abundas. Iru kaj amuziĝu! *Bonan revidon!* Adiaŭ — kaj denove dankon! Cion bonan, Anna!"

„Adiaŭ," diris Marius.

„Ĝis, Majo," aldonis Anna.

„Sincer-konfese, mi iom ĝojas, ke ŝi foriris," diris Marius, kiam ili ekiris sian vojon.

„Kaj m——— Cu vere?" demandis Anna.

„Jes, ŝi estas tre akre kaj senĉese babilema. Mi trovas granda streĉo elporti longe ŝian kompanion! Cetere nur persona trovo. Mi ekzemple estus tute trankvila, se via fratino kunestus."

„Ho," diris Anna. Kaj post kelkaj momentoj —

„Kie estas via domo? Cu malproksime?

„Meze. Ni alvenos post dek minutoj. Bedaŭrinde la vojo ne estas rekta aŭ ĉefa, ke buso povus nin porti. La domo situas en flanka aleo. Kaj bedaŭrinde neniu tie estos — miaj gepatroj foriris por la semajnfino. Se la piediro estos tro longa — —"

„Malsaĝa! Tute ne," respondis Anna. „Cu miaj gamboj ne aspektas sufiĉe fortikaj por porti min tien?"

„Viaj gamboj estas de Diano," respondis Marius fervore.

Post kelkdek metroj de silento Anna diris: „Via patrino estas tre aminda."

„Jes, ĉu ne?" diris Marius distrite, kaj baldaŭ ili atingis la domon.

„Vi vidas, ke la domo staras aparte en la propra tereno," diris Marius. „Ni supreniros tra la ĝardeno."

Kiam ili paŝis en la sidoĉambron, Anna ĝoje konstatis: „Ho, kia bela fajro!"

„Jes," klarigis Marius. „Mi ĝin hejtis antaŭ ol mi iris renkonti vin ambaŭ. Nu, kiel plaĉas al vi la domo, Anna?"

„Mi ne scias," replikis Anna, „ĉar mi ankoraŭ ne vidis ĝin. Cu vi ne volus trakonduki min tra la ĉambroj?"

En unu ĉambro estis plua pordo en la fono. „Kio estas sub tiu pordo, Marius? Cu alia ĉambro?"

„Ho mia ĉarma, ne volu enrigardi! Tie ja loĝas la familiaj fantomoj!" Li ekridis. „Efektive, tio estas nur nigra kamero, en kiu mia frato foje aranĝis fosforeskan prezentaĵon de fantoma kapo per kelkaj putrantaj fiŝostoj. Kiel teruriĝis ni knaboj, kiam li kondukis nin tien! Mi elkuris kaj falis sur la liton, kriante histerie!"

„Sed kiel nervotikle! Estus interese enrigardi. Eble ankaŭ mi elkurus kaj falus sur la liton."

„Ho ne," ridis Marius, „La fantomo jam de longe-longe ne plu estas tie! — Nun vi la tutan domon vidis. Ni reiru al la sidoĉambro, ĉu ne? — kaj mi preparos por vi tason da teo."

„Mi ne deziras teon, Marius. Tamen ni reiru," diris Anna.

Kiam ili sidis sur la sofo antaŭ la fajro, Anna kliniĝis malantaŭen al la apogilo kaj diris reveme:

„Ĉu vi scias, kio tiris mian atenton sur vin, Marius? Ĝi estis en la Esperanta kunveno, kie vi faris paroladon. Vi parolis elokvente, verve kaj longe — kaj kvankam mi sidis rekte antaŭ vi en la unua vico, *vi tute ne rimarkis min*. Do mi diris al mi obstine: tiu junulo ja tamen min rimarkos. Ĉar sciu," ŝi aldonis, kun bonhumora, sinmoka aplombo, „estas sufiĉe unike, ke viro min ne rigardas."

„Mi tion ne dubas," diris Marius entuziasme. „Vi estas pompe bela. Do mia blindeco — kaŭzita de terura modesto — estas dankinda por mia konatiĝo kun vi! Kaj tiu konatiĝo estas torĉo de mia griza viveto. Aŭskultu, Anna —"

„Jes?" ŝi murmuris.

„Tiu lingvo Esperanto, kiun vi, mia bela, neniam ellernos, estas tamen la lingvo laŭ kies sonoj vibras mia koro. Aŭskultu, kion mi skribis pri vi: —

„Ho, malgajas perspektiv'
De la viv':
Ŝipo sur stagnanta maro,
Por komparo.
Viv' similas laŭ kruelo,
Laŭ malhelo, al la kelo
Kie luktas la animo spita."

„Ĝi sonas iom malgaje," diris Anna. „Ankoraŭ ne temas pri vi. Aŭdu plu.

„Ĉu l' boato de la viv'
Restos vana maso,
En eterna, vaga driv'
Sen kompaso?
Ĉu karcero de la viv'
Tenos min en malaktiv',
Ke mi sidu sen motiv'
Dum la tag-forpaso?

— Blovis vent' en vivovelon,
Vivoŝip' veturis,
Brilis lum' en vivokelon,
— Foliar' susuris.
Kiu ventis vivboaton
Al naĝad' facila?
Kiu pelis nigran raton
El la kel' humila?
Diru nu, ĉe kies brusto
Ekŝanĝiĝis vivogusto,
Venis form' al vivo vana?
Via nur, dankinda Anna!"

„Mi komprenis la lastan vorton," diris Anna, ridetante.

Marius tradukis ĝin.

„La senco ŝajnas iom konfuza," ŝi opiniis.

Subite forta gluglado aŭdiĝis en la muro.

„Ha, la akvo en la cisterno ekbolas," diris Marius. „Mi devos forfluigi iom da ĝi." Subite freneza, petola humoro lin kaptis. „Vidu — mi fluigos ĝin en la bankuvon kaj vi, mia dolĉa, banos roze la dian korpon en mia domo. Tiel mi ĉiam poste sentos tremon de feliĉo, kiam mi min trempos en la kuvo!"

„Ho vi, freneza!" kriis Anna kun mirego. „Kion vi subite elpensis? Ke mi senvestiĝu kaj banu min en via domo? Nenial, pro ĉio kara — — Ho, vi fola idioto!"

„Jes!" daŭrigis la junulo, en kiu la tumulta ŝercemo dancis. „Vi estas Diano la dia, kaj kiel Diano sin banis sub la foliara ombro de la riverbordo, kaj kiel la floraj petaloj enŝutiĝis por aromi al ŝi la akvon, tiel vi, laŭ rito mistika, sed pli moderna, vin banos en kuvo, kaj por rozfolioj mi enŝutos parfumajn kristalojn el flakono!"

Anna disstreĉis la okulojn.

„Ĉesu, lunatiko!" ŝi diris. „Ĉu vi vere opinias, ke mi riskos min bani ĉe vi?"

Al Marius tute ne gravis, ĉu ŝi faros tiun absurdan aferon aŭ ne, sed nur pro la ludo li petole volis venki. Li alprenis racian mienon.

„Nu kial ne, Anna? Estus tute natura afero. Tutegale mi fluigos la bolantan akvon en la bankuvon, ĉar necesas fluigi ĝin. Se vi volas eniri per la delikata korpo, vi tion povas sentime. Mi ja ne estas tia homo, kiu farus ian fian atencon, kaj cetere," — li aldonis ridete, „la pordo de la banĉambro havas tre solidan riglon."

„Se mi eniros, ĉu vi promesos resti en fora parto de la domo, ĝis mi reaperos?"

„Sklave mi ĵuras ĝin! — Sed jen la akvo gluglas ankoraŭ pli forte. — Mi iras fluigi ĝin."

# El la „Stancoj"

Jean Moréas

1.

Ne diru, ke la vivo estas nur ĝojfesteno:
Jen dir' de menso stulta aŭ de animo basa.
Nek diru, ke senfine ĝi estas nur ĉagreno,
Ĝi estus vort' poltrona kaj tro rapide laca.

Ridu, kiel printempe jubilas la burĝonoj,
Ploru, kiel nordvento aŭ kiel kriĉ' de l'mevoj,
Gustumu la plezurojn ,suferu la malbonojn,
Kaj diru: estas multe kaj estas ombr' de revoj.

2.

Rompante la funebron de ĉi pluv-larmaj horoj
Sur grandan kaŝtanarbon kun frondo flave-bruna,
Sur l'akvon, sur l'okulojn kaj sur la tardajn
florojn
Vi verŝas vian dolĉon, ho palá sun' aŭtuna.

Kion vi volas, suno? Lasu fali la floron!
Kaj la folion putran forportu vento norda!
Dum l'akvo brunas, al mi lasu mian doloron,
Kiu la penson nutras, l'animon faras forta.

3.

En miaj junaj jaroj, ho harmonia' Liro,
Kiel sub flor' la akvo kantis viaj akordoj,
Kaj ve! nun, ili estas nur sombra plend', deliro:
Sangigas niajn fingrojn viaj vibrantaj kordoj.

En la lumobanata, eta rivero lanta
La birdoj reflektiĝas kaj la somera ĉielo,
Ho Liro, sed ol akvo, tra l'rokoj sin boranta
Funde de nigra groto, pli fortas ja la Belo!

4.

Ho maro nekonata, malgaja, infinita,
Baldaŭ per via fajna nebul' vi min karesos;
Premiĝos miaj paŝoj sur via sabl' humida,
Kaj pri la urb' kaj tero subite mi forgesos.

Ho mar', ho tristaj ondoj, ĉu povos vi per ĝemoj,
Kiuj mortadi venos sur viaj duno-tomboj,
Al mi ĝismorte luli la koron kaj ĉagrenojn,
Kiujn delektos sole la beloj de l'ŝiprompoj?

5.

Mortintoj min aŭskultas, tomb' estas mia domo,
De mi mem malamiko mi restos ĝis la fino
Korv' manĝis mian grenon, glor' mia nur fantomo,
El miaj velkaj uvoj neniam fluos vino.

Sed mi ne plendas: kiom gravas la Akvilono,
La honto, malestimo kaj la insulto brula?
Ĉar, kiam mi vin tuŝas, ho lir' de Apolono,
Voĉ' via estas ĉiam pli saĝa kaj pli pura!

6.

Similas ĉi vespere mia versimprovizo
Al iu svarm' abela kun vibretanta anteno.
Kvankam la luno mankas el ĉielo de Parizo,
— Miraklo de la mondo post tiu de Ateno, —

Ho Muzo, vin alklinu al mia frunt' en tristo,
Montrante la okulojn, kiuj min dolĉe ĉarmas:
Kaj prenos mi la liron, kiel la pafarkisto,
Kiu mortintojn tretas kaj la arkon sage armas.

7.

Vespero siblas, fajro ekbrulas, sonas gongo;
La ankron oni levas, la vagonaro pasas;
Alven', forir': negrave! Adiaŭ! ĝemas ondo,
Ĉu venas ĝi de l'maro, ĉu l'bordon ĝi forlasas.

Floras la roz', sed ŝiras ĝin la kruela sorto,
La verdajn arbfoliojn faligos la aŭtuno;
Adiau! ĉe l'naskiĝo, adiaŭ! ĉe la morto;
Kaj kiel la feliĉo, forflugos misfortuno.

8.

Surmure la rubusoj, la herbriĉa gazono,
La branĉoj en arkadoj, kiam printempo ridas,
La pado de la muloj kaj ĉi kampara homo,
Kiu, por teron fendi, paron da bovoj gvidas.

La nokto sur la digo, kie brilas lumturo ,
Kaj dum la sunleviĝo la horizont' de l'maro,
— Negravas! ho urb'! — enestas ja en via nebulo
La kampoj kaj la montoj, la maro kaj l'arbaro!

El la franca: **L. Tárkony**

# La komercisto

Gorbatov

1.

Jen rakonto pri Kostja Lobas, pri la junulo, kiu revis fariĝi heroo, kaj cetere estis dungito en la kooperativo de la Haranga tundro Amarege li diradis pri si: „La forĝisto forĝis el mi ponardon por milito kaj la vivo faris el mi malfermilon de konservskatoloj".

Ankaŭ al la arkto li venis en sia malespero. Misprosperis lia tuta vivo, diablo scias, kie li ĝin fuŝis. Ofte apud li, tute proksime, naskiĝis heroajoj, liaj amikoj akiris famon, sed al li doniĝis nur etaj konfuzaj aferoj.

Eĉ kiam, fuĝinte dehejme, li komencis vagabondi, amikadis kun ŝtelistoj kaj revis pri grandskalaj ŝteloj, ke la tuta mondo surpriziĝu, kriante „jen vera majstro de sia fako" — eĉ tiam nenio fariĝis el la afero. Malagrable eĉ rememori: bagatelaj ŝteloj, poŝtranĉoj, priŝtelitaj maljunulinoj kun tremantaj mansaketoj, kaj neevitebla konduko en la policejon, kie ĝentilaj policistoj faris protokolon.

Tiam li ekiris orienten, serĉi ŝancon pri la oro. Li estis ĉe Ural, ĉe Lena, eĉ ĉe Alach-ŭna, konata de neniu. Kun serĉtaĉmento li vagis sur riveroj de Jakutio, dormadis surtere, tremis de malvarmo sub maldikaj kovriloj, malsatis, frostis... Somere lin mordis kuloj, vintre malvarmo. Se ĉion ĉi li povis elteni kaj ne pereis, tamen li devis esti bonsanga junulo. Kial do li ne sukcesis?

Cu li ne klopodis sufiĉe? Tiun malbenitan, trafrostiĝintan teron li kapablus fandi per la varmo de sia volo. Eterne li hakis la frostan teron, ĝis la hakilo travarmiĝis, sed la teron neniam estis eble varmigi. Grandegajn fajrojn li ekbruligis, faris incendiojn, la ruĝaj flamolangoj lekis la pinton de la arboj, ĉirkaŭe ĉio iĝis varma kiel en la forno de la diablo, sed eĉ se li forbruligus la tutan *tajga*, ĉiujn arbarojn ĉirkaŭe, tamen li ne povus travarmigi tiun frostan, indiferentan teron.

Eĉ la plej arda amanto estus forlasinta tiun frostan belulinon. Sed Kostja spitadis. Li estis obstina kiel diablo. En la fajro li ardigis

---

Kiam li revenis, li portis sur la brako sian bansurtuton, kiun li proponis al Anna. „Por kio mi bezonus tion?" ŝi mire demandis.

„Nu," li diris, kaprice miskomprenante por ŝoki la timeman knabinon, „Vi devos havi ion sur la korpo kiam vi eliros, ĉu ne?"

„Ĉielo!" ŝi kriis, „Mi ja havas miajn vestojn! Nun promesu plej firme, ke vi nenial proksimiĝos al pordo dum mi estos interne!"

„Certe mi promesas," li diris senĝene. „Mi ja bone memoras, kio okazis al Akteono. Cetère la pordo ne havas ŝlosiltruon."

Dum Anna sin banis, Marius preparis teon kaj dume zumkantis al si, kontenta pri sia fola atingo. Finfine Anna elvenis. — Ŝi tamen portas la bansurtuton, rimarkis al si Marius. Kune ili sidiĝis sur la sofon, kaj post trinko de teo Marius ekmemoris pri la banĉambro. „Pardonu momenton, mi volas forfluigi la akvon kaj iom ordigi," li diris.

Kiam li paŝis en la banĉambron, neatendita amaseto da ŝtofajoj sur seĝo trafis liajn okulojn. Tie estis ĉiuj vestajoj de Anna. Li rerigardis. Jes, ĉiuj. Surprizo konsternis lin. Silente li ordigis kaj revenis al la knabino, sidiĝis apud ŝi.

Jen, li diris al si, sub tiu maldelikata, haŭtraspa ŝtofo de mia bansurtuto, ŝi surhavas nenion. Post ĉiuj protestegoj kaj montroj de pruda paniko., ŝi — kio? — ŝi sin proponas al mi. Be!

Li glutis malfacile. Li ne sciis kion diri, kion fari. La ekscita aventuro, pri kiu li ofte en soleco revetis, nun trafis lin neatendite, ne reve kaj fore, sed en kuntuŝa realo. Nun, kiam la okazo venis al lia nazo, li trovis en si nenian emon aŭ povon por la silente anoncita tagordo.

Ĝene ili iris kune al la stacidomo. Du-tri fojojn li faris nervozan, embarasan rimarketon. Ŝi nenion diris.

Li neniam plu revidis ŝin.

grandegajn ŝtonojn kaj metis tiujn por la nokto sur sian laborlokon, por ke la tero fandiĝu. Matene li kuiris sur la tero, la tero ŝvitis, iĝis pli mola kaj obeema. Li komencis la laboron — kaj ree li trovis glacion. Ree glacio! Ree tiuj maldikaj, obstinaj, pikaj vejnetoj, similaj al la branĉoj de la arĝentkvarco. La hakilo ne trais ilin.

Jes, tio estis diabla laboro, kaj li estis senŝanca. Li revadis: foje, en la argilo kaj koto, inter la nigraj kaj trompaj kristaloj de la pirito li subite trovos la oron. Du-, tri-, kvin-, dekpunktan. Tiel li revadis. Ju pli longe li tis, sed ne longe. Ĉion mi fordonos, eĉ polvero ne gluiĝu al mia mano.

Jen kia homo estis Kostja Lobas! Kelkfoje li plaĉis eĉ al si mem, kaj neniu konjektis en li la grandan homon. La homoj ne rekonas la ponardon en la perlamota tranĉilo.

Sed foje Lobas ektediĝis pri tiu vivo. Li forĵetis la piocon kaj iris al Lena. Ĉe la rivero Lena oni marŝas sur oro, oni dormas sur oro, oni kovras la kabanojn per oro.

Estis ja oro ĉe Lena, multa oro. Kial do Kostja ne sukcesis ĝin trovi tie? Ĉu ne bone li klopodis? Nu, demandu pri tio la homojn



**Vojo.** Lignogravuro. *Pál Varsányi.* Budapest, 1947.

laboris, des pli peza fariĝis la trovaĵo en liaj songoj.

Tiel klare li imagis al si tiun or-stangon, ke li jam sentis, kvazaŭ li tenus ĝin en sia varma manplato. Peza, malpura peco, simila laŭ formo kaj koloro al defalinta aŭtuna folio. Eĉ la nigrajn vejnetojn li vidis sur ĝi.

Kion li faros per la oro? Jam ĉion li trapensis. Neniu divenus, kion Kostja Lobas faros pri sia fortuno. Li volvos ĝin en tukon, en ĉifonon malpurigitan per koto, kaj portos ĝin en sian loĝejon. Kaj li jetos ĝin sur la tablon. Kaj tiam li diros fiere: mi oferos ĝin por flugmaŝino. Tiun flugmaŝinon oni nomos Reva Lobas, por ke la nomo de Kostja Lobas flugu fiere en la ĉielo.

Infanaj revoj! Dum momento li domaĝis la riĉon. Ĉu, tamen, mi ĝin fordonacu? Li hezi- en Bobajba, ili rakontos legendojn pri Kostja Lobas. Li enrampis tiajn malnovajn fendegojn, kiuj ŝajnis pretaj tomboj. Oni diras, ke kelkfoje la tegmento tremis super lia kapo, kiam li spiradis.

La maljunuloj montris al li por duonlitro da alkoholo la lokojn, kie la oro estas trovebla — nepre riĉajn trovejojn.

Nur la eniro estas fermita. Ĉio enfalis. Sed Kostja obstine skuis la kapon: „mi envenos".

Kaj li envenis. En tiujn mallumajn truojn li envenis rampe, sur la ventro, en akvo kaj koto. Lian korpon kontuzis la akraj ŝtonoj, liaj malsekaj piedoj rigidiĝis de spasmo, kaj li tamen rampis plu. Li rampis kun kunpremitaj dentoj, premante al si la ŝpaton, kaj liginte al sia kolo la alumetskatolon. La sakon de nutraĵoj li portis sur la dorso. La

akvobotelo, ligita al lia piedo, klakante lin sekvis sur la ŝtonoj.

En tiu malseka, malbonodora truo Kostja vivis kaj laboris dum semajnoj, ĝis la kandeloj elĉerpiĝis. Sed vane li bruligis la kandelojn. Vane li trafosis tutajn montojn. La dio de la fortuno eĉ ne rigardis liajn kandelojn. Oron li ne trovis.

Kaj tie samloke, apud li, serĉanta studento, kiu alvenis nur antaŭ kelkaj tagoj, trovis orpecon de tri kilogramoj.

Tri kilogramoj! Tion ne povis elteni Kostja. Li forĵetis la malbenitan ŝpaton, forĵetis la akvokruĉon kaj la sakon de nutrajoj kaj ĉesigis la serĉadon. Komenciĝis la vintro. Sed ne tio lin fortimigis. Je la diablo. Eĉ unu tagon li ne restos plu sur tiu malbenita tero.

Li envolvis la piedojn per gazetpapero, metis pajlon en la botojn kaj ekiris piede tra la *tajga* al Kirensk. Multajn tagojn li iris, kaj alia homo certe ne eltenus tiun marŝadon tra la tajga kaj satiĝus ĝisgorĝe per la aventuroj.

Kostja murmuris:

— Sensukcesa homo mi estas! Perlamota tranĉilo.

Tiel li venis al Irkuck, jen piede, jen veturile, kaj ekde Verholensk eĉ aeroplane.

Sed pli bone estus al li ne flugi. Kun tia senzorgeco li proksimiĝis al la flugmaŝino, batetis liajn flugilojn: bona maŝineto! Poste li enrigardis la kajuton kaj tie trovis... trijaran knabineton. — Pasaĝero! Tiamaniere la unua flugo de Kostja pasis en ne tre heroa societo: la infano dum la tuta vojo ploris kaj la patrino dormis. Tio tedis Kostjan.

En Irkuck Kostja longtempe jetiĝadis senokupe. Dum tri semajnoj li tra kaj trairis la tutan urbon, poste iris en la suburbojn, manĝis en manĝejoj kaj vespere, sur la bordo de Angara, dancis kun jakutaj kaj burjataj knabinoj. Pro senokupeco kaj enuo li komencis legi. Je lia malfeliĉo, en liajn manojn venis Martin Eden de Jack London.

Tiun diablan libron Kostja tralegis en unu nokto, kaj matene li decidis, ke tian libron ankaŭ li povas skribi pri si mem.

Ne malmultfoje li elfumis sian pipon, kaj amason da papero li skribis plena. Poste li prenis tukon, enmetis ĉion skribitan, ligis sur ĝi nodon kaj la tuton portis al la redaktejo. Oni diris al li, ke li revenu post du semajnoj. Tiun tempon li pasigis trankvile, kiel homo farinta sian laboron kaj atendanta la rekompencon.



**Laboristo.** Akvaforto. *Pál Varsányi*. Budapest, 1936.

Post du semajnoj li iris en la redaktejon, memfide li suprenpasis la ŝtuparon. Silente li aŭskultis ĉion, kion al li diris la okulvitra sinjoro, poste li prenis sian pipon el la buŝo kaj demandis:

— Kie estas la forno?

Poste li longe staradis sur la strato. Konataj knabinoj preteriris, alparolis lin. Li ne respondis. Silente li staris kaj rigardis malproksimen. La printempa vento klakigis flavan gazetpaperon, kaj de tiu lin alrigardis konata vizaĝo. Li alproksimiĝis, elglatigis la gazeton. Jes, jen la portreto de Vaska Han!

Ĉu oni jam presigas en la gazetoj la portretojn de famaj banditoj? Kostja ridetis.

Li legis la subskribon. Vaskja Hanov, plej bona fandomajstro de la fandejo numero sep.

Li ne volis kredi. Vaskja — fama fandomajstro! Ĉi tie devas esti ia eraro.

Por Kostja Lobas ne ekzistis malproksimo: la kolosa lando ŝajnis al li malgranda kiel poŝtuko. Ne multe li cerbumis, li suriris trajnon por serĉi la fandejon numero sep.

Li ĝin elserĉis, kaj li trovis Vaskjan Han.

Kostja staris en malpura jako ĉe la fandujo, kaj rigardis, kiel direktas la laboron Vaskja Han, la fama fandomajstro. La ruĝaj flamoj respeguliĝis sur la vizaĝo de Vaskja, lia asbesta ĉapo fumis, kaj la stango brilis en lia mano kiel kavalira glavo. Kaj ĉiu obeis al Vaskja Han: kaj la fandforno, kaj la helpopersonaro, kiu haste plenumis liajn mallongajn ordonojn. Eĉ la fajrorivero, subite fluanta el la fandujo, jen, komencis al li obei kaj obeeme kuris en la formilon, kvazaŭ ĝi estus ne fandita fero sed pacema lakto.

Ankaŭ Kostja Lobas povus ja esti fama ministo aŭ forĝisto. Kial do li ne estas tia? Nun jam malfrue. Kostja estas senpacienca. Li eĉ ne aliris Vaskjan Han, ŝtele elflankumis en la fandejo, suriris trajnon kaj forveturis. Kien? Li mem ne sciis. Kien la nazo montris. Al la fino de la mondo.

— Kion vi scias? oni demandis lin en la oficejo, kien li iris sin anonci por arkta laboro.

— Ĉion, — li respondis fiere.

Sed oni diris al li, ke ĉio estas tiom, kiom nenio, kaj oni proponis al li, ke li iru labori sur la tundro.

— Sur la tundro? — kaj li ridetis amare. Kio do? Egale. Ni iru al la tundro.

## 2.

Stranga torporo lin ekregis. Nun jam pri nenio li revis, nenion li volis, nenion li esperis.

Ĉiel egale, ĉiel egale, li pensis kaj ekiris la longan vojon — nur por esti kiel eble plej malproksime de la homoj.

Indiferente li rigardis, kiel preteririĝas antaŭ li la bluaj bordoj de Jenisej.

Tiel li atingis la maron, sed ankaŭ la maro lin ne surprizis, nek interesis. Enue li rigardis, kiel frapiĝas al la bordo la malvarma, blueta akvo. Kiom tio lin koncernas, li ne estas ja maristo.

Poste sur profunda rivero ili navigis en la fundo de Tajmir. Ili navigis, ĝis sur la rivero aperis glacio. Oni diris al Kostja, ke li povas pluveturi per nordaj cervoj.

— Egale, li diris pigre.[1]

[1] malvigle, maldiligente, mallaboreme.

Li aliĝis al grupo kaj veturis kun tiu, nun jam per sledo tirata de nordaj cervoj.

Egale, li flustris, kiam li kuŝiĝis dormi, egale, li diris, kiam ili ekveturis matene.

Ĉe la falo de la unua neĝo li atingis la stacion. Kostja opiniis, ke li trovos ne malgrandan vilaĝon, kun granda butiko, tiaspeca vilaĝa ĉiovendejo en la mezo, sed li vidis nur izole starantan lignodomon, sur kies tegmento, anstataŭ kameno, estis bareloj.

— Des pli bone, — li pensis, kaj nun li ridetis unuafoje dum la tuta vojo.

La gvidanto de la kolonio, barba hometo, salutis lin kun maltrankvilaj okuloj.

— Treege mi ĝojas. Tre-ege, — li diris al Kostja kaj etendis sian ŝvitan manon.

Ili iris al la domo laŭ la bordo. Tie kaj tie ĉi kuŝis kestoj, bareloj kaj sakoj. El la sakoj inundis stranga odoro.

— Putro, rimarkis Kostja indiferente kaj la gvidanto ĵetis al li rapidan rigardon.

La putrodon baldaŭ antataŭis hundodoro. Hundodoro estis en la butiko, en la tenejo kaj en la kabano.

— Malbonodoras, — diris Kostja, kaj la gvidanto ekridis. En la varmega kabano jam atendis lin metita tablo. Tie giris la edzino



**Virinoj.** Lignogravuro. *Pál Varsányi.* Bpest, 1948.

de la gvidanto, plenforma sinjorino, Taisija Pavlovna. Envenis Ignatjiĉ, la malserena, silentema radiisto. Li sidiĝis, ekkubutis sur la tablon kaj gapis en sian teleron.

— Ĉu vi trinkas? demandis Kostjan la gvidanto de la kolonio, kaj, ne atendante respondon, li verŝis brandon en glason. La glaso tuj iĝis blukolora.

— Eĉ la norda cervo trinkas, respondis, anstataŭ Kostja, la radiisto, kaj ĉiuj kuntintigis la glasojn. Kostja sentis, ke la gvidanto atente rigardas, kiel li trinkas, kaj kiam la malplenan glason li remetis sur la tablon, la gvidanto aprobe kapbalancis.

— Ĉu por ordenoj vi venis ĉi tien? — li demandis Kostjan.

Kostja ne komprenis lin, kaj la gvidanto ekridis:

— Nu, ordenojn oni ne disdonadas ĉi tie. Eĉ ne esperu tion! Junlaboristo, ĉu ne?

Kostja sentis, ke la gvidanto de la kolonio plue esploras lin.

— Diablo prenu! — li pensis, ree tintante per la glaso. Se li ĉikanos min, mi lin batos.

Cetere, ili interamikiĝis ĝis la vespero. Abunde ili trinkis. Tihon Petroviĉ, la gvidanto (lia edzino lin nomis Tisa), senĉese parolis. Ignatjic senĉese manĝis, kaj Taisija Pavlovna ege suspiradis: ha, ĉu tio ĉi estas do vivo? Nek teatro, nek kudristino! Kiam Tisa estis prezidanto de la Tjumena sovjeto... — kaj dume sub la tablo ŝi puŝadis la genuojn de Kostja. Li fortiris sin. Ŝajnis al li, ke tiu fiera, amara sinjorino estas ege hundodora.

Tri tagojn daŭris la festeno je la ĝojo de la alveno de Kostja. En la kvara tago Kostja eliris sur la straton, kaj vidis,, ke la tuta mondo ŝanĝiĝis.

Ĉio estis blanka ĉirkaŭe. La bordo, la kestoj, la sakoj — ĉio malaperis sub la neĝo. Kostja retrorigardis al la dometo, sed tiu preskaŭ malaperis. De ekstere estis videblaj sole la anteno, la flageto kaj la bareloj, du por la fumo, du por aerumado. Kaj tiam Kostja rekonis konsterniĝe, ke ĉi tie li estas por eterne entombigita sub la neĝo. Ĉu li timiĝis? Li mem ne sciis. Li ĉirkaŭrigardis kaj murmuris: — Eh, ĉiel egale!

Li lokis sin en eta kamero apud la tenejo. El enuo li decidis, ke li riparos sian loĝejon. Li purigis la kamereton, deskrapis de la muroj la ŝimon, lavis la plankon, sed la hundodoron li ne povis ekstermi. (Cetere, li baldaŭ alkutimiĝis, jam eĉ ne rimarkis ĝin.) Poste li ĉarpentis por si tablon, seĝojn, lignan lampotenilon. Kion oni devus ankoraŭ fari? — li pensis. Li decidis, ke li nepre bezonas lulseĝon. Li faris la lulseĝon, tre zorgeme, kaj ĝin kovris per cerva ledo. La lulseĝo ekplaĉis al Taisija Pavlovna, sekve li senhezite ĝin donacis al ŝi. Ĉar pro kio propre li bezonas lulseĝon? Poste li fiksis, anstataŭ lankovrilo, grizan tukon sur la muron, kaj sur ĝi pendigis sian armilon kaj la tranĉilojn. Kaj kion ankoraŭ? Ĉu la fotojn? Ne! Kostja ne havis fotojn, ĉar li havis nek parencon, nek amikon, nek konaton.

Longe kaj tre diligente li okupiĝis pri sia loĝejo. Sed subite lin ektimigis la penso, kian sencon havas ĉio ĉi? „Vi, Kostja, ne volas ja morti ĉi tie." Kaj nun li forĵetis sian martelon, jam ne batante en la muron la tenilon de la zorge farita breto.

Ree ĉio iĝis teda. Li ne sciis, kion komenci, kien sin loki. Venis en lian kapon, ke li sportos. Li komencis ŝpini gimnastikan ringon el ŝnuroj, longe kaj obstine ĝin ŝpinis, kaj kiam fine li ĝin pretigis kaj fiksis sur la plafono, li jam enuis pri ĝi.

Sur iu breto de la kolonio hazarde li trovis fotografilon. Li komencis pri ĝi okupiĝi, kaj longe pri ĝi okupiĝis, sed kiam li jam lernis fotografi, komenciĝis la arkta nokto, kaj kun ĝi ĉesis la fotografado, kaj kiam la arkta nokto finiĝis, li jam forgesis pri la fotografado kaj la fotografilo kuŝis pace en la angulo. Polvo kovris ankaŭ la pafilojn; eĉ unufoje li ne uzis la skio-latojn, ankaŭ tiuj estis netuŝataj, kaj la libroj amase kuŝis en la angulo, nelegataj de Kostja.

En la kolonio la vivo pasis egalmaniere, senkonsidere de liaj deziroj kaj sopiroj. Kostja devis nur adaptiĝi al la vivordo kaj klopodi, ke li vivu sen zorgo kaj pretendo... Kaj tion li faris. Tage li okupiĝis pri la kestoj en la tenejo, la vespero apartenis al la kartludo kaj drinko.

Kostja jam sciis, ke Ignatjiĉ trinkas silente, kaj ju pli multe li trinkas, des pli li malsereniĝas, ĝis fine li ekkrias: „vi ĉiuj estas friponoj, jes, ĉiuj!" — kio signifas la lastan limon de la drinko de Ignatjiĉ. Kaj



**Ripozantaj laboristoj.** Lignogravuro. *Pál Varsányi.* Budapest, 1947.

Tisa iĝas dum la drinko pli kaj pli parolema, kaj komencas ekspliki, ke lin, kiam li estis la prezidanto de la Tjumena sovjeto, ĉiu respektis kaj timis, sed poste oni lin deklaris dekstrulo kaj eljetis. „Kiel la ĉifonon, jes, kiel la putran ĉifonon" — kaj li ekploras. Kaj tio tignifas, ke plenumiĝis ankaŭ la mezuro de Tisa. Nu, kaj Taisija Pavlovna: ŝi komencas ridegante premadi la genuojn de Kostja, poste ardspire ŝi premas sin al Kostja por interkisi, kaj tio signifas, siavice, ŝian mezuron, ĉar tiam vekiĝas la ebria Tisa, komencas interbati kun Kostja kaj Kostja ekbatas la tablon per la pugno... kaj jen estas la mezuro de Kostja, ĉar post tio li trovas sin sur sia kuŝejo en la kamereto kaj ploras per ebriaj larmoj kaj sakras kaj malbenas sin kaj sian sensukcesan, elreliĝintan vivon.

Kaj la postan tagon ili denove kunvenas

ĉiuj por kartludo kaj drinko, kaj rekomenciĝas la tuto.

Kelkfoje njenecoj venis al la kolonio kaj alportis felojn. Iliaj cervoj kuŝiĝis ĉirkaŭ la domo. Tiam la vivo vigliĝis. Kostja observis tiujn homojn kun granda intereso.

— Sovaĝuloj, kanibaloj! — kriadis Tisa malestime. Nu, kion vi alportis?

Tiuj salutis respekteme kaj nomis lin komercisto; fakte, li similis al komercisto. Iel pli aŭtoritata li fariĝis subite, oni povus diri, majesta. Rapide li elŝiris la felojn el iliaj manoj, esploris ilin, poste senprizorge ĵetis ilin sur la breton. — Oj, oj! — li kriis al la njenecoj. — Oj, oj! Malbona felo! Kion do mi donu al vi? Jen, prenu! — kaj li premis en la manon de la njenco sapon, rozkolorajn zonojn, ĉion ajn, kio trafis en lian manon. La njeneco grumblis, ne volis forporti la aĵojn nebezonatajn.

Tisa koleris.

— Prenu, prenu, portu, kion oni donas... ĉar male mi donos nenion.

Kaj la njenecoj forportis la aĵojn. Ili forportis tiujn kolere, inter furiozaj rigardoj, sed tio nur gajigis Tisan.

Kaj se ilia grumblo iĝis minaca, Tisa palpebrumante al Kostja, elportis la bluan botelon. Li regalis la grumblanton per glaso da fajra trinkajo, kaj la njeneco ebriiĝis en kelkaj minutoj. Kaj Kostja ridis, kaj rigardis, kiel la ebriulo ŝanceliĝadas, kiel li rampas mane-piede kaj kantas ebriajn kantojn.

Kelkfoje la njenecoj restis tie tri-kvar tagojn. Taisija Pavlovna ne enlasis ilin en la ĉambrojn, ŝi kriegis, ke ili estas pedikaj, malbonodoraj, kaj ŝi lokis la gastojn por la nokto en kavo apud la hundejo. Tie ili dormis tremante de malvarmo. „Kio, — pensis Kostja — jen do la arkto? Malbenita regiono! Kial, pro la diablo, mi venis ĉi tien?“

Kelkfoje Tisa forvojaĝis por kelkaj tagoj sur la tundron pro oficiala afero, kaj tiam, en la nokto, mallaŭta frapo aŭdiĝis sur la pordo de Kostja. Taisija Pavlovna venis ŝtele al lia lito. La virino havis odoron de ŝvito kaj acida pasto, kaj Kostja abomenis ŝiajn malsekajn lipojn, ŝvitan dorson, kaptemajn, malsatajn manojn. Kaj ĉiufoje, kiam li akompanis ŝin ĝis la pordo, li diris malĝoje:

—Ne venu alifoje. Mi ne volas.

Sed la virino nur ridis anstataŭ respondo, kaj en la sekva nokto aperis denove. Kostja estis malforta ŝin eljeti. Li abomenis sin mem, kaj, kiam ŝi foriris, li longe kuŝis kaŝante sian vizaĝon inter la kusenojn; ŝajnis al li, ke la kusenoj ruĝiĝas anstataŭ li.

Foje li tamen en enlasis Taisijan Pavlova. La virino longe frapetadis, vokadis, kaj fine foriris plorante. Kiam li ekaŭdis ŝian ploron, li kunpremis la dentojn. Poste li ekkompatis ŝin.

— Kial do mi ofendis ŝin? — li pensis. Kompatinda virino, neniu ŝin kunsentas. Kaj eble ŝi vere min amas?

Li ekscitiĝis, fartis malagrable, kaj konstante sonis en liaj oreloj la plorego de la ofendita virino. Li stariĝis, kaj silente iris al ŝia ĉambro. Neniun li trovis. Li ektimis: ĉu eble ŝi ne elkuris nokte al la tundro en sia malĝojo?

Ekscitite li staris kaj aŭskultis: malgaje grincis la tegmento, ploris la vento post la fenestroj. Subite ŝajnis, ke li aŭdas ridegon. Oni ridegis en la ĉambro de Ignatjiĉ. Li rekonis la plenan ridegon de Taisija... Kaj tiam li ekridis, laŭte. Li eliris sur la straton, sen ĉapo en la vento, kaj ridis, ridegis.

3.

De tiam Kostja tute ne eliris plu el sia ĉambro. Dum tagoj li kuŝis sur la lito kaj rigardis la plafonon.

— Kial do vi vivas sur la tero, Kostja? — li demandis sin laŭte, kaj el la angulo la grincoj respondis: „senutiiiile, senutiiiile!“.

Senutile?

Jes, senutile. Ĉia ekzisto havas sian sencon: ĉi tiu kuŝejo ekzistas, por ke mi dormu sur ĝi, ne ĝia peko estas, ke sur ĝi dormas pigra bubo, ĝi mem ja honeste plenumas sian devon. La hundo tiras la sledon, Ignatjiĉ radias tage tri fojojn, ankaŭ Taisija scias sian laboron: ŝi faras la manĝajojn, sed vi, Kostja, kion faras vi?

La vivo ja havas ankaŭ pli altan celon — li pensis, sin rulante sur la kuŝejo. Manĝi kaj trinki ne estas ĉio. Ekzistas aferoj, por kiuj la homoj, se necese, iras en la morton tiel, kiel en nuptofestenon.

# Poemoj de Sándor Petőfi

El la hungara: K. Kalocsay

### PRI SANGAJ TAGOJ SONĜAS MI...

Pri sangaj tagoj sonĝas mi,
De kiuj tuta mond' pereos,
Kaj kiuj sur la mond-ruin'
La novan mondon glore kreos.

Se sonus jam, se sonus jam
Trumpeto kria de batalo!
Atendas mi, atendas mi
Senpacience je l'signalo.

Se sonos ĝi, mi ĵetos min
Al sel'ĉevala ĝojekzalte,
En vicojn de l'bravula grup'
Mi engalopos fiersalte.

Se oni tranĉos min ĉe brust',
Jam estos iu, kiu ame
Bandaĝos mian vundon, kaj
Refandos tiun kisbalzame.

Se mi kaptiĝos, estos jam,
Kiu al la tenebroj ĉelaj
Alportos por mi lumon per
Okuloj siaj aurorstelaj.

Se mortos mi, se mortos mi,
Sur eŝafodo aŭ per sabro,
Jam estos iu, kies larm'
La sangon lavos de l'kadavro.

### MIA PLEJ BELA POEMO

Poemojn multajn mi jam verkis,
Kaj ne ĉiu estas bagatela,
Sed, kiu gloron por mi gajnos,
Nur sekvos la poem' plej bela.

Ĝi sekvos, se patrujo mia
Rezistos al Vien' per forto,
Kaj en cent korojn mi per pinto
De mia glavo skribos: morto!

### SUR FERVOJO

En mezo de plezuro-maro
Baniĝas la anim' sintrempe!
Nur birdoj flugis ĝis ĉi-tempe,
Nun flugas ankaŭ la homaro!

Hej, nia penso sag-rapida,
Ni ja ekiris post vi tarde,
Sed la ĉevalon spronu arde,
Devancos vin ĉi kur' senbrida!

Rivero, monto, arbo, muro,
Kaj kiu scias, kio plua,
Aperas, solvas sin, disflua,
Kiel figuro de nebulo.

Klopodas eĉ la sun' kunkuri,
Kiel freneza vizianto,
Kredanta, ke diabla bando
Lin persekutas por torturi.

---

— Ankaŭ mi irus! — li kriis saltleviĝante. — Montru al mi la vojon, kaj mi iros.

Montru? Cu vi estas nur tiel lerta? Trovu ĝin mem!

Tiamaniere li kverelis kun si mem, ĝis li ekdormis laciĝinte. Liaj sonĝoj estis teruraj. Malvarma ŝvito lin kovris, kaj longe daŭris, ĝis li vekiĝinte rekonis, kie li estas kaj kio al li estas.

Pli kaj pli ofte li havis atakojn de melankolio. Li sentis, ke de ĉiu flanko lin ĉirkaŭas glua, peza mallumo. Per tremantaj manoj li ekbruligis la lampon, sed la ombroj ne forpasis el lia ĉambro kaj minace sin tenis en la anguloj. Kaj Kostja pensis, ke la nokto neniam finiĝos, la sunradio neniam ekbrilos en tiu malbenita kavo; la neĝo, kiu premas ilian kabanon, neniam degelos; Kostja devos tie vivi eterne, en la norda nebulo, entombigite de neĝblovoj. Tiam lin ekregis granda timo. Li boris sian kapon en la kusenojn, li kriis, kriegis. Poste li hontis pro la larmoj. Li rekonis, ke tio estas la arkta psikozo, anima stato. Sed kontraŭ ĝi li sciis solan kuracilon: la alkoholon.

Kostja ĉiuvespere ebriiĝis. Sed ankaŭ ebrie li ne trovis trankvilon. Arde li malamis sin mem kaj sian ebrion, li volus ĵeti tiun kor-

Ĝi kuris, kuris — vana peno!
Postrestis, falis, laciĝinto,
Al okcidenta monto-pinto,
Ruĝe de honto kaj ĉagreno.

Kaj ni ankoraŭ flugas, flugas,
Sen halto, sen plej eta laco,
Nin eble ĉi maŝin' tra l'spaco
Al la alia mond' kondukas.

Fervojojn cent kaj mil plu metu,
Konstruu, faru plej intense!
Ili la tutan mondon dense,
Kiel la korpon vejnoj, retu!

Jen estas vejnoj de la mondo!
En ili civilizo ŝvelas,
Tra ili flui pulso pelas
La sukojn de la vivo-fonto!

Kial pli multe vi ĝis nun do
Ne faris? Mankis fero forĝi?
Disrompu ĉiujn ĉenojn — por ĝi
Vi havos feron en abundo!

## AL ARBOJ FLUSTRAS TRISTA VENT' AUTUNA...

**Petőfi**

Al arboj flustras trista vent' autuna
Oni ne aŭdas, kion per zumspiro
Al ili ĝi rakontas; sian kapon
La arboj reve skuas je la diro.
En posttagmeza tempo mi komforte
Sterniĝis sur la sofo de l'ĉambreto...
Kun sia kap' sur mia brusto dormas
La edzinet' profunde, en kvieto.

En unu mia man' la brustmonteto
De l'dolĉa dormantino milde ondas,
L'alia man' preĝlibron mian tenas:
Pri la liberbataloj ĝi rakontas.
Tra la animo kuras ties ĉiu
Litero fajre kiel la kometo...
Kun sia kap' sur mia brusto dormas
La edzinet' profunde, en kvieto.

Vin oro logas, vipo pelas lukti
Por la tiranoj, ho popolo sklava,
Nur ekridetas la Liber', kaj marŝas
Jam la adeptoj al batalo prava,
Kaj prenas, kiel de knabino florojn,
Vundon kaj morton kun volonta preto...
Kun sia kap' sur mia brusto dormas
La edzinet' profunde, en kvieto.

Kiom da karaj vivoj jam forfalis
Por vi, Libero! Kaj, ĉu estis fruktoj?
Ja estos, se ne estis! La triumfo
Estos la via en la lastaj luktoj!
Kaj ankaŭ venĝos vi mortintojn viajn:
Terura estos tiu venĝ-impeto...
Kun sia kap' sur mia brusto dormas
La edzinet' profunde, en kvieto.

Min preterŝvebas sanga panoramo,
La aperaĵoj de la temp' venonta,
La malamikoj de l'Libero dronos
En lag' de sia propra sango honta.
Tra mia kapo fulmoj ekzigzagas,
Kor-bato mia estas ĉieltondreto.
Kun sia kap' sur mia brusto dormas
La edzinet' profunde, en kvieto.

---

pon eksteren sur la glacion, forĵeti tiun obskuran kapon, kaj meti la kolon sub tranĉilon.

Pli kaj pli ofte aperis pensoj de sinmortigo.

„Prefere morti, ol vivi tiamaniere" — li pensis. „Kial vi vivas?

„Sed kial vi mortus?"

„La morto ne havas motivon, la homoj simple mortas. Ili malaperas de la tero, kiel la neĝo printempe."

„Vi mensogas, Kostja! Ankaŭ morti havas sencon. Sed kian sencon havas via vivo? Oni demandos: kion Kostja Lobas faris en sia vivo? Li deziris gloron — li ne atingis ĝin. Li serĉis oron, li ne trovis ĝin. Li ludis preferancon kun la fripono Tisa kaj drinkis. Tio ne provas pravigi lian vivon."

„El tio do sekvas, ke mi devas morti."

„Kaj kian sencon havus via morto? Li mortis pro tio, ke li ne sciis vivi. Ha, ne bone oni vin memoros, Kostja Lobas. Ĉu oni memoros? Kiu memoros? Plej aflikte estas ĝuste, ke neniu min memoros. Mi estas soleca homo sur tiu ĉi tero. Perlamottenila tranĉilo.

Kaj tiam li sentis doloran kompaton pri si mem. Li domaĝis ankaŭ sian korpon, sian

### VINTRA MONDO

Iu mortigis sin, pro tio
Aĉiĝis tiel la vetero,
Blovegas vento, dancas antaŭ
Barbirbutikoj la telero.
Nun kie estas la feliĉo?
En ĉambr' afabla, varma niĉo.

Taglaboristo kaj l'edzino
Brulligngjn ŝtipojn hakas, segas,
Dum la infan' en kruda vindo
Kun la ventego vetkriegas.
Nun kie estas feliĉo?
En ĉambr' afabla, varma niĉo.

Grandpaŝe tien kaj ĉi tien
Soldato marŝas sur posteno,
Kaj li nombradas siajn paŝojn,
Ja kion fari en ĉagreno?
Nun kie estas la feliĉo?
En ĉambr' afabla, varma niĉo.

En eluzitaj vestoj iras
La flikdratisto longakrura,
De frosto fluas liaj larmoj,
La naz' estas paprik' matura.
Nun kie estas la feliĉo?
En ĉambr' afabla, varma niĉo.

Dum de vilaĝo al vilaĝo
Aktor' migranta vojaĝadas,
Li ja ne havas vestojn varmajn,
Sed malgraŭ tio li malsatas.
Nun kie estas la feliĉo?
En ĉambr' afabla, varma niĉo.

Kaj la cigan'?... Sub tend'ĉifona
Nun dentoklakas li sen ĉeso;
Frapetas vento kaj eniras
Ne atendante je permeso.
Nun kie estas la feliĉo?
En ĉambr' afabla, varma niĉo.

Iu mortigis sin, pro tio
Aĉiĝis tiel la vetero.
Blovegas vento, dancas antaŭ
Barbirbutikoj la telero.
Nun kie estas la feliĉo?
En ĉambr' afabla, varma niĉo.

### MI RIGARDAS TRA FENESTRO...

Mi rigardas tra fenestro
Al la strat',
La rigardo reve haltas
Sur soldat'.
Ĉe l'mantelo ligna tien,
Tien ĉi,
Digne kiel eta reĝo
Marŝas li.

Ankaŭ min ja ravis tia
Promenad',
Ankaŭ mi mem estis tia
Kamarad',
Mi briligis ĉe flav-nigra
Parapet'
Mian klingon de potenca
Bajonet'.

---

malkvietan kapon, kaj jam ne pensis pri tio, ke li faros pri ĝi finon, kvankam li ne sciis, kien li ĝin metu, ke li trovu trankvilon kaj azilon.

Foje li rekonis konsterne, ke li pereos: „aŭ mi drinkiĝos min morta, aŭ mi freneziĝos". Kaj li teruriĝis. Li ne trovis sian lokon en la ĉambro. Kuri! Kuri! Kuri, forkuri de tie, el tiu nebulo, de tiuj homoj, de tiu tuta sensenca vivo.

Li prenis la kalendaron: kiom da tagoj ankoraŭ restas? Ĝoje li deŝiris la foliojn. Aŭgusto, septembro, oktobro, novembro, decembro — pasis, pasis, pasis... Kiom ankoraŭ restas? Kioma hodiaŭ? Malbenita eterna nokto... Sed ĝi baldaŭ finiĝos. Li forveturos. Punkto.

Kaj tiam, subite, la penso, ke lia kalvario baldaŭ finiĝos, lin malpezigis. Pli ofte li eliris al la tundro. Multfoje li staris sur supro de monteto kaj maltrankvile, senpacience rigardis al la oriento. Kiel infano li ekĝojis pri la unua griza sunradio. — Ne foriru! — li kriis laŭte, sed la suno malaperis. Apenaŭ ĝi estis kun li tri minutojn.

Li volus rapidigi la printempon, ĉie li ser-

Mi ŝvitegis sub bovida
Glora led',
Pompis ĉarma soldatŝuo
Sur pied',
Mi kriadis teruregajn
„Halt, wer da!"
Kaj purigis kazernkorton
Per bala'.

Ho heroa kariero,
Perla viv',
Hont'! mi finis pri ĉi gloro
Kaj edif',
De la kap' la kverkokronon
Metis for,
La pafilon, balailon
Jetis for.

Nu, sed min ja punis Dio,
Punis tro,
Ĉar mi ĉesis vivi vivon
De hero':
Jen, mi iĝis nur poeto —
Kia fal'!
Tie mi jam estus eble
Kaporal'.

Ideoj miaj, tamen, estas
Ne dandoj, ke, por distraj vanoj
Vivante, ili vizitadu
Kun kap' frizita, gantaj manoj.

Kanon' ne tondras, glav' ne tintas,
La rusto-dormo ilin tegas,
Sed dauras lukt'... anstataŭ ili
Nun la ideoj batalegas.

Batalas ankaŭ mi, havante
Batalionon sub komando.
Poemojn mi komandas, estas
Bravulo ĉiu mia kanto.

Ĉifona trupo, sed kuraĝa,
Kun brava skermo, brava hako,
Kaj la soldaton ja ornamas
Kuraĝo lia, ne la jako.

Mi ne demandas, ĉu l'poemoj
Transvivos min post mia morto,
Se ili devas fali lukte,
Nu, ilin trafu do ĉi sorto.

Eĉ tiam sankta libro estos,
Kiu ideojn miajn fermis:
Tombejo de herooj, kiuj
Por la Liber' ĝismorte skermis.

### ĈIFONAJ BRAVULOJ

Mi povus miajn versojn vesti
Per bela rim-kaj ritmo-meto,
Kiel konvenas vizitadi
Salonojn de la societo.

ĉis ĝiajn signojn. Ĝoje li observis, ke novaj kaj novaj fendoj estiĝas en la glacio, ĝoje li rimarkis, ke la neĝo sedimentiĝas kaj nigriĝas. La unua ondo de varmo preskaŭ degeligis la neĝon, kaj sur la montetoj aperis nigraj makuloj el sub la neĝo. Tiuj estis la unuaj termakuloj, kiujn li vidis de naŭ monatoj. La tero estis kovrata de bruna musko, sed al Kostja ĝi ŝajnis pli bela, ol la stepo apud Volgo. Longe li staris kun klinita kapo super la eta tersurfaco kaj soife enspiris la odoron de la tero, la plej admirindan odoron de la mondo.

Poste alvenis la somero, alvenis kaj pasis aŭgusto. Venis septembro. Nun taglonge Kostja staris sur la alta bordo de la rivero kaj atendis la karavanon. Sed la karavano ne alvenis.

Ignatjiĉ alportis ekscitajn informojn.

— Ne venos karavano — li konstatis. — La golfon de Vilkickij kovras glacio. Ĉe Karsk estas glacio. La karavano apenaŭ atingis la enfluejon de Pjasina. Ĝis ni ĝi ne povas veni. — Kaj, sorbante teon el la aluminia taso, li demandis al Tisa trankvile: — Kion ni faros, ĉefo?

— Venos la morto, kaj ni mortos — respondis tiu ridante. Kostja jetis la kuleron sur la tablon kaj eliris sur la bordon.

Fine klariĝis definitive, ke karavano vere ne venos. Tisa kun malica ĝojo komunikis tion al Kostja.

— Ankoraŭ unufoje vi travintros ĉe ni, Konstantin Ivaniĉ. Do ne maltrankvilu, — li ridegis.

— Nu, mi do travintros! — respondis

Kostja inter la dentoj, kaj subite aperis antaŭ liaj okuloj la vintro, la noktaj tentoj, la grincoj el la angulo. Li volus kriegi kaj grincigi la dentojn, sed li bridis sin. „Mi ne faru ĝojon al Tisa."

Ĉe la tablo regis plumba silento tiun tagon. Taisija Pavlovna kolere jetadis la telerojn sur la tablon, Ignatjiĉ estis malafabla, Kostja malserene batadis la teleron per la forko. Sole Tisa ridetis ial.

— Pri kio vi ĝojas? alkriis lin Kostja.

— Ĉu mi do ploru? Mi ne estas maljunulino, mi scias kontraŭrigardi la malfacilaĵojn.

— Ĉu ni sendu radio-informon? — demandis Ignatjiĉ.

— Pri kio?

— Nu jen, pri nia malfacila stato. Vi mem scias...

— Kaj ĉu vi opinias, ke tiuj tie supre ne scias, ke ni restis sen kompenso? Ne! Ni ne sendos radio-informon. La superaj instancoj ne amas ricevi afliktajn radio-informojn.

— Kaj kion ni manĝos?

— Ni manĝos, kion vi kunskrapos por ni — respondis Tisa mallonge. — En la tenejo ankoraŭ estas sufiĉe. Iel ni tranaĝos.

— Kaj la tundro? — demandis Kostja malhele.

— La tundro malsatos. Tion mi ne neas. Sed ne mi estas ties kaŭzo. Ne mi — klarigis Tisa ankaŭ per la manoj. — Sed pri la tundro, kara Kostja, ne estu maltrankvila. Tiujn tie ja nur nuntempe oni nomas njenecoj, ĝis nun oni nomis ilin samojedoj.* Ili manĝos sin mem. Se ili forskrapos de si la malpuron kaj grason, ili jam havos kion manĝi vintre. Ili ne pereos! — li ridegis ĝojante pri sia spritaĵo.

Lia vizaĝo brila de graso estis tiel antipatia tiumomente, ke Kostja ne povis sin reteni kaj jetis sian teleron al lia kapo. Ili interbatiĝis. Taisija kriĉis, kaj sole Ignatjiĉ rigardis malhele, ne zorgante pri tio, ke sur la tero viroj luktas. Li fumis plu sian pipon.

Vespere ili denove drinkis kune, kaj Kostja, ebriiĝinte, fanfaronis, ke li forlasos tiun malbenitan lokon kaj migros piede sur la tundro, kiel iam, kiam li ĉesigis la orserĉadon. Sed nun li ne estis jam la malnova

* „Samojedo" signifas „sinmanĝanto".

## MIA AMKASTELO

### William Auld

Kastelon mi konstruis iam
en reva valo inter arboj,
kaj mian amon fantazian
ĉirkaŭis per turetaj garboj,

kaj mi starigis la ĵaluzon
por gardi antaŭ la karcero,
obstine doni nur rifuzon
al ĉiu peto por libero...

Sed iel am' eskapis fuĝe
el miaj envolvantaj turoj:
hedero nun rampadas ruĝe
sur disfalintaj kastelmuroj.

## AMATA MIA, FLEGISTINO

### William Auld

Per firmaj fingroj vi glatigas
ies dolore febran frunton,
aŭ aliies vastan vundon
per milda man' bandaĝe ligas.

Pro l' infinita laborado
konsumas vin laciĝ' neniel,
ĉar freŝan forton tiras vi el
senfunda puto de kompato.

Dum vi de lit' al lito glitas,
celadas ĉiu via ero
al la kuraco de sufero...
kaj nia amo forgesitas.

Min ne turmentas ĉi destino:
ne esti via viv' senpera.
Pri vi mi estas ja fiera,
amata mia, flegistino.

---

Kostja, kaj ankaŭ ne sciis, kien iri. Trankviliĝinte, li komencis verki poemojn:

Enuo kaj enuo kaj enuo,
La nokto baldaŭ venos, kia terura truo...

— Vi estas ja poeto! — kriis Taisija Pavlovna ekscitite. Mi juras je mia vivo, vi estas poeto, Kosĉjo.

Sed la sukceso de Kostja furiozigis Tisan.

— Poeto! — li hurlis. — Li nur ne ricevu morgaŭ manĝon, li forviŝiĝos el la vico de la vivantoj. Mi sola estas la poeto ĉi tie. Ĉe mi

la tenejo, ĉe mi la viando,, la sukero. Ĉe mi la faruno. Mi! Mi sola! En la tuta tundro. Venos ja al mi ĉiuj, salutos min ĉiuj respekte! Savu min! — kaj ili salutos per feloj. Per peltetoj. Haha! Estos montoj da feloj, arktaj vulpoj, lupoj! Bluaj vulpoj, blankaj vulpoj, arĝentaj vulpoj... Ĉio kuŝos antaŭ miaj piedoj. Prenu, prenu! Mi havas viandon kaj panon. Mi donas, mi estas bona. Mi estas forta. Mi estas la sinjoro sur la tundro. Mi estas la mastro. Mi estas la potenco, mi estas la poeto. Kiam mi estis prezidanto en Tjumen...

Kaj rekomenciĝis la pasintjara teda vivo. Tisa estis prava: oni havis kion manĝi. Kiel ankaŭe, ankaŭ nun ĉiam estis grasa manĝo sur la tablo. Kaj se estis manko pri io, tio estis la alkoholo. La rezervoj konsumiĝis mirinde rapide kaj Tisa nur tiradis la ŝultrojn:

— Multe ni drinkis. Ni estas bravuloj. Agloj.

Ili komencis trinki la denaturigitan alkoholon, ili eltrinkis la tutan provizon de kolonja akvo, kaj ili jam ne havis kion trinki. Kaj tiam Ignatjiĉ instruis al Taisija distili brandon. Kostja konsterniĝis, ke estas krimo malŝpari grenon kaj sukeron por brandfaro en malsataj tempoj. Sed Tisa lin alhurlis:

— Drinku, amuziĝu! Ni vivas nur unufoje! — kaj Kostja eksilentis.

Sekvis la nomtago de Taisija. Tisa decidis, ke li faros grandiozan festenon kaj alvokis gastojn.

— Kaj kion mi donacu por la nomtago? — cerbumis Kostja. — Florojn? Parfumon?

Li serĉadis en la butiko sur la bretoj, sed nenion trovis: ĉion ili jam fordrinkis. Tiam venis en lian kapon, ke en la butiko staras nespilita bareleto da brando. Li rulis ĝin en la kabanon kaj solene gratulis la festatinon. Taisija Pavlovna kortuŝiĝis per la donaco. Tisa melankolie notis en la ĉeflibron: „ni enportis kun Lobas el la butiko la brandbarelon, 3 pudoj".

Alvenis la gastoj: kuracisto kun edzino, metiisto de la orienta bordo, grupgvidanto kun edzino el Belujij. Komenciĝis la festeno, tintis la glasoj. Kostja, kiun dum la tuta tempo mordis la diablo de la rivalado, trovis inter polva libro-amaso poemvolumon de Puŝkin, kaj nun anoncis, ke li volas deklami.

— Ni petas, ni petas! — kriis la gastoj.

Provoke, brilokule eklegis Kostja, kaj konstance rigardis Tisan. Sed neniu komprenis tiun demonstracion. Laŭte ili aplaŭdis, kiam li finis, la kuracistedzino bisis, kaj Taisija rekompencis la leginton per arda rigardo. Li mem kolere jetis Puŝkinon en la angulon kaj malhele komencis drinki brandon.

— Friponoj, ĉiuj estas friponoj! — li pensis —, ankaŭ mi estas fripono, perlamottenila trančilo.

Ŝanceliĝante li stariĝis de ĉe la tablo, renversis la glason, rompis ion, ekpuŝis iun kaj ŝanceliĝante iris al la pordo. Eksteren, en la aeron!

Estis malvarma, hela, frosta nokto. Sur la blua neĝo brilis la radioj de la luno. Sed Kostja tion jam vidis ofte, kaj ne miris. Ŝajnis al li, ke la neĝo floras per admirindaj, neniam viditaj floroj.

Kostja rigardis al la ĉielo — tie, ĉirkaŭ la vera luno, brilis ankaŭ ok aliaj lunoj. Kostja estis jam vidinta ankaŭ tion, kaj ne miris. Li ne estis filozofo, kial li pensu pri la lunoj. Ĉio estas trompo, lia tuta vivo sukcesis karikature, kurbe, diablo scias, kiel. Li volis esti heroo kaj iĝis fripono.

Li tiriĝis post la pordon kaj silentis. La mondon kovris grandega silento. — Tia silento ekzistas nur en la nordo. La silento de la tundro, forĝita en neĝon. La silento de la rivero kovrita per neĝo. La silento de la nokto kunforĝita kun la frosto. La silento de la tombo. Sur ĉio bluaj makuloj...

Io tamen rompis tiun silenton. Kostja aŭskultis: la sonoj ripetiĝis masine. Ŝajnis, ke per ia mola objekto oni batadas ian molan objekton. Li turniĝis kaj ekvidis, ke longa njeneco staras kliniĝinte, ĉirkaŭ li silente saltadas la furioza Tisa, kaj per la vosto de arkta vulpo li batas ties kapon kaj vizaĝon. La njeneco staris senmove, ne defendis sin kontraŭ la batoj, nur tiris sian kapon inter la ŝultrojn. Kostja vidis, ke tiuj ŝultroj tremas, kaj ke sur lia vizaĝo malpuraj larmoj ruliĝas kaj frostiĝas.

Ĉirkaŭ la du homoj kolektiĝis hundoj similaj al lupoj. Ili ne bojis, nur rigardis,

kiel unu homo batas al alian. Kaj al Kostja ŝajnis, ke en iliaj okuloj dancas fajroj. Kaj ĉirkaŭ ili ĉio estis hundodora. Tiu odoro, al kiu Kostja jam tute alkutimiĝis, nun estis netolerebla. Kaj netolerebla estis tiu tuta silenta sceno: la larmoj glaciiĝantaj sur la vizaĝo de la njeneco, la batoj de Tisa, la brilo de la hund-okuloj, la hundodoro... Kostja forsaltis de la pordo kaj per unu salto li estis apud Tisa.

— Ĉesu! — li kriis, kaptante ties manon, kaj li ne rekonis sian propran voĉon; ĝi estis akra kiel streĉita kordo.

— For! — kriis Tisa, kaj forpuŝis lin.

Kaj tiam Kostja ekstaze elŝiris el lia mano la vulpofelon kaj sovaĝe ekbatis la ĉefon, batis lian kapon, vizaĝon, ŝultron. Tisa ekhurlis kaj falis sur la neĝon, kaj tiam Kostja lin tretis per siaj botoj... Kaj ĉirkaŭ ili ĉiam pli strikta fariĝis la ringo de la hundolupoj, kaj ĉiam pli netolerebla fariĝis la varmega hundodoro.

Tiam rekonsciiĝis Kostja. Li sentis, ke ankaŭ el li mem, el liaj manoj inundas tiu neeltenebla hundodoro. Li jetis la vulpofelon sur la neĝon, ekpuŝis per la boto la korpon de Tisa, kaj iris en sian loĝejon. Lin sekvis la njeneco, obeeme, silente. Ili iris en la kameron de Kostja. Kostja fermis la pordon, ĝin apogis per ligno, kaj peze sidiĝis sur la lito.

La njeneco sidiĝis apud la sojlo kaj seninterrompe rigardis Kostjan.

— Kio estas via nomo? — demandis Kostja raŭke, ĉar ion li devis diri.

La njeneco longe ne respondis, poste mallaŭte diris:

— Japtune... Vasilij...

— Kial vi silentis, Vasilij? — daŭrigis Kostja. — Kial vi ne instruis lin pri la ordo?

La njeneco ne respondis.

— Vi estas ja pli forta, Vasilij. Li estas malgranda, malforta. Vi estas fortika.

La njeneco longe silentis, skuis la kapon, poste diris sen rideto:

— Tamen li estas pli forta.

— Ĉu li?

— La komercisto estas pli forta ol Japtune. Ĉe li la viando, la faruno, la petrolo.

— Vi mensogas! — kritis Kostja, saltleviĝinte. — Vi estas la pli forta. Ne lia estas la faruno. Via estas la faruno. Por vi ĝin sendis la ŝtato. Li estas nur ruĝhara diablo, kiu distilas brandon el greno kaj drinkas. — Kaj subite li ekmutis. Li rememoris, ke antaŭ duonhoro li mem trinkis el tiu brando. Kio do? Li rigardis rekte en la vizaĝon de la njeneco kaj hurlis: — Ankaŭ mi drinkas, ankaŭ mi estas fripono. Nu?

Sed Japtune ne moviĝis. Li sidis ĉe la sojlo kaj fumis sian pipon. Poste li ekparolis mallaŭte, trankvile, kvazaŭ li kantus aŭ preĝus:

— Tre malbone... Malsato... Tre malbone malsati sur tundro... Ni mortas... Ni mortos... ĉiuj... Nenia kartoco, nenia ĉaso. Nenia ĉaso, nenia viando. Nenia besto. Nek besto, nek faruno, nek teo. Nek teo, nek tabako, tre malĝoja Japtune. Li mem mortos. Malsata, tre malsata.

Kaj en lia voĉo ne estis plendo, nek ĝemo, sole rezignacio al la sorto, sed tamen tiu indiferento de la mortonto estis pli terura ol hurlo.

— Milito... — daŭrigis Japtune sian kanton. — Tisa... malbona komercisto. Tre malbona. Sed kion fari? Prenis Tisa de Japtune vulpon, donis al Japtune nenion. Ho, ne bone tiel. Tre malbone. Iam estis ĉefo pli bona. Estis bona. Nomo estis Leksej Ivaniĉ.

## LAVISTINO

**Karolo Pìĉ**

En tiu griza, fetoranta korto
vi staras kaj vi sveltas kiel kordo;
kaj vi vin klinas al lavtrogo via
dum tiu tagvespero idilia...

La firmamento supre estas blua
kiel ĉi tiu kalsoneto trua
(vi devos kudri ĝin!) La akvo plaŭdas.
Ie radio ludas (ĉu vi aŭdas?)

De sur mamumoj, ŝtrumptenilaj bukoj,
korsetoj, bluzoj, blankaj silkaj tukoj
malĝojon, kiun ili kaj vi havas,
per amerika sapo vi forlavas.

Kaj la lavaĵo fine iĝas blanka.
Tamen en via kor' malĝojo sanga
plu nigras. Kaj vi vane malfeliĉas.
Ĉar kontraŭ ĝi la sapo ne sufiĉas.

# Legendo pri sankta Zita

*Jaroslav Vrchlicky*

En la supernuba gloro
De l' ĉielo, sankta Zita,
Vi apenau rememoras
La miraklon admirindan ,
Kiun spertis vi, servante
En Ĝenovo, bona urbo,
Antaŭ jaroj ĉe prefekto.

Ofte en revadon mian
Falas tonoj de orgeno,
Kvazaŭ flugo kolombina
Flirtus ĉirkaŭ mia kapo.
Vidas mi preĝejportalon',
Kiel gardas ĝin statuoj
Girlandataj arabeske,
La refraktiĝantan lumon
En fenestroj de preĝejo,
La mallarĝaj kaj pentritaj;
Kaj tra pordo mi rimarkas
Vakskandelojn sur altaro
Kaj pufvangajn anĝeletojn,
Kun rideto rigardantajn
El bluetaj incens-ondoj;
Kaj fabeloj malnovtempaj
Kroĉas sin en kapo mia
Kiel la hirundo nesto
En manikoj de sanktuloj
En la niĉ' super la pordo.

Unu el la anĝeletoj
Flugilhavaj, kaj pufvangaj
Ĉi legendon al mi diris;
Kaj mi kredas, sankta Zita,
Ke neniel vi indignos,
Se mi plue ĝin rakontos
Simple, sed kun sincereco,
Kian mia kor' posedas
Kaj posedis via kredo.

*

Kiam kredo sin ankoraŭ
El animoj infanecaj
Alten levis al ĉielo,

---

Estis bolŝeviko. Tiam ĉio bona. Manpremis li kun Japtune, donis monon por vulpo, donis varon por mono. Tiel estis bone. Kion fari?

— Kia Aleksij Ivaniĉ?

— Estis li ĉefo... kun ni vivis... Venis karavano, for Leksej Ivaniĉ. Ho, bedaŭras ni Leksej Ivaniĉ!... Ploras homoj sur tundro. Ploras tundro, ploras vento... Batas akvo bordon kaj ploras. Ne estas Leksej Ivaniĉ, ho, tre malbone al ni!

Kostja subite eksentis akran envion kontraŭ la nekonata Aleksij Ivaniĉ. Jen, tiamaniere vivis ĉi tie homo, eble li dormis sur tiu sama lito, rigardis tra tiu sama fenestro, kaj foriris, kaj sur la tundro oni pri li kantas. Pri mi oni diros: li estis trompisto, kaj kune kun Tisa li drinkis la brandon. — Li grincigis siajn dentojn kaj ankoraŭ pli kolere li paŝadis en la ĉambro.

Kaj tiam oni frapis sur la pordo. La ĉambro pleniĝis per ebriaj voĉoj. Kaj Taisija Pavlovna parolis per sia miela voĉo:

— Kial vi forlasis nin, Konstantin Ivanoviĉ? Ne decas.

Kostja silentis. Li aŭskultis. Oni flustradis post la pordo. Poste li aŭdis la gajan voĉon de Tisa:

— Ne ludu frenezulon, Kostja, elvenu! Vi misagis en via ebrio, nun jam sufiĉe. Mi ne koleras.

Kaj ĉiuj gaje kriis:

— Paco, paco, paco!

— Paco! — kaj Kostja ridetis malice, rigardis al la njeneco sidanta ĉe la sojlo, poste al la pordo. Ne! Ne estas paco. Silente li iris al la lito, deprenis la armilon, kiu polvumiĝadis dum du vintroj, kaj iris al la pordo.

— Se eĉ unu hundo — li diris trankvile tra la pordo — kuraĝos transpaŝi mian sojlon, mi tuj pafos.

Kaj por konvinko, li ektiris la ŝargilon.

Subite iĝis silente post la pordo. Teruritaj voĉoj aŭdiĝis.

Kaj Kostja ekridis gaje, elkore. Li staris apud la pordo, kun pafilo en la mano, kaj ridis pure, facile, ĝojplene. Do jen! Tre bone. Milito.

*(Finota.)*

El la rusa: **K. Stelov.**

Kiam en mirakla tempo
Al birdar' Francisk' predikis
Kaj la lupon nomis frato,
En Ĝenovo, bona urbo,
Ĉe prefekto iste servis
Sankta Zita, bonulino,
Justa kaj kredanta pie.
Se matene ŝi sukcesis
Enŝteliĝi por momento
En preĝejan duonlumon,
Por momento tie preĝi
Viglis ŝi la tagon tutan,
Lerte faris la laboron
Kaj per kant' ĝin akompanis.

Multan havis okupiĝon,
Eĉ multegan, sankta Zita
En la domo de l' prefekto:
Ordi ĉambrojn, kaj precipe
Krom provizoj por la manĝo
Zorgi pri la kuirejo.
Tamen ĉion ŝi plenumis
Per fervoraj mens' kaj mano,
Se sukcesis ŝi matene
Por momento sin enmergi
En la templan duonlumon.

Jen festeno, ĉe l' prefekto.
De l' maten' jam sankta Zita
En bazar' aĉetojn faris
Kaj en korboj portis hejmen
Fiŝojn, birdojn, figojn, berojn
Ananasojn, artiŝokojn ,
Vinon de diversaj specoj,
Kaj ŝi volis jam kuiri.
Sed subite ŝi ekpensis,
Ke ĉi-tage ja ankoraŭ
Eĉ ne unu Patro-nia'n
Preĝis ŝi en la preĝejo.
Al la kuirej' rigardis
Tra fenestro granda templo,
Cent kandeloj flagris tie,
Sonis kantoj, sonoriloj.
Maltrankvila estis Zita,
La okulon premis larmo.
Devis ŝi — nur por momento,
Nur je unu 'Patro-nia'! —
La preĝejo ja apudas,
Longas tempo ĝis tagmanĝo.

Iris ŝi — sed stranga sorto!
Ŝi neniam estis tiom

Meditinta nek preĝinta
Kiel nun, nek ja antaŭe
Sajnis la malnova templo
Tiom kara kaj hejmeca;
Ĉiuj freskoj sur stukaĵo
Brilis tiam ĉi pli freŝe;
Kant', muziko, sonoriloj
Sonis lule kaj revige;
La sanktuloj sur altaroj,
Sur kolonoj, en la niĉoj
Novan sorĉon manifestis;
Ja eĉ la satano, kiu
Sub piedo de anĝelo
Gape estis rikananta,
Pro sunlumo nun ridetis
En rezigno dolordolĉa.

En la malantaŭa navo
Genuflekse revis Zita,
Tute ĉion ŝi forgesis,
La provizojn aĉetitajn
Kaj la fiŝojn kaj la fruktojn,
La malsatajn atendantojn,
La koleron de la mastro.

Hor' dekdua. Kvazaŭ fulmo
Estus frapeginta Zita'n;
Konfuzite ŝi leviĝis
Ve al ŝi! Nun kion fari?
Sin apenaŭ krucsigninte,
Tuj ŝi hejmen forgalopis.

Ĉe l' pordego de l' prefekto
Cent kaleŝoj kaj servistoj.
Ree do ektimis Zita,
Ve al ŝi! nun kion fari?
Ek, ho ek en kuirejon!
Kuras ŝi tra l' koridoro,
Stranga ŝin odor' haltigas.
Fum' ruliĝas tra la pordo,
Io siblas, fajfas, bolas —
Pladoj tintas kaj tranĉiloj,
Kaj rebril' de ruĝa fajro
Tra la koridor' verŝiĝas.

'Ĉu aliajn servistinojn
Oni dungis?' pensas Zita;
Ne plu eblas, ke rapide
La tagmanĝon ŝi preparu,
Ek do, ek! — kaj ŝi rigardas
Kaj paliĝas kaj miregas.
Mi! — ha! — nudaj anĝeletoj

# LA MOKFAJFADO

**Andreas Latzko**

Nur ĉar pluvis, Gabriele Riquetti iris al kinejo. Lia labortempo — li estis librotenisto ĉe la triesta banko — finiĝis je la 5a, sed lia amikino devis labori ĝis la 8a en la kaĝo, ĉirkaŭata de ferdrato, formanta la kasejon de la ĉiovendejo. Tiujn tri malplenajn horojn Riquetti plenigis per promenadoj en la ĉirkaŭo de Triesto; gape li kutime suriris la belegan strandvojon al Miramaro kaj revis, rigardante trans la maron, pri sia promocio al ĉeflibrotenisto, pri geedziĝo, pri koĉeroj ornamitaj per mirtaj tigoj, pri propra, ĉambra loĝejo kun spegulŝrankoj en la dormoĉambro kaj pri sofo kun bretaro, plena de ilustritaj libroj, en la parada ĉambro. Pli alte ne flugis la pensoj de Gabriele Riquetti. La teruraj febrotremoj tiutempaj — estis en la jaro 1914a — trakurantaj la korpon de tuta Eŭropo, ne influis lian regulan vivadon, ĉar lia dekstra kruro, pro sinbalancado en la junaĝo —restis kelkajn centimetrojn pli mallonga ol la maldekstra kaj tiel do la granda murdado signifis por li pligravan

---

Flugilhavaj kaj pufvangaj
Svarmas en la kuirejo,
Kaj iliaj vangoj flagras
Kiel rozoj aŭ granatoj.
Tiu nutras la fajrujon,
Tiu rostostangon turnas,
Kaj melonon tranĉas tiu,
Tiu ĉi kotletojn grasajn
Metas sur arĝentan pladon
Borderitan per legomoj.

Unu faras piramidon
El vinberoj kaj el pomoj,
Unu tranĉas, unu hakas,
Unu pistas en pistujo,
Ĝis de lia frunto gutas
Svito kvazaŭ grandaj perloj.

Tie kompatinduleto
Pretiganta makaronojn
Pinĉe vundis sian fingron,
Ĝin surblovas kaj grimacas,
Ne sciante, kiel plaĉe.
Kaj la bruo kaj tumulto
Ĉiam pli-kaj pluiĝanta!
Jen jam preparita ĉio,
Dek du manĝoj unuvice:
De la piramido figa
Ĝis la plado, kie kuŝas
Granda fiŝ' en gelateno,
Kun citrono en la buŝo,
Inter tio vinboteloj
Kaj pelvetoj da frandaĵoj —
Ĉio pretá por la tablo!
Kia belo kaj odoro!

Mirigita, konsternita
Sur la sojlo Zita staras,
Tordas ŝi la blankajn manojn
Kaj sin ĵetas en la ejon.
Sankta Dio, jen miraklo!
Larme manojn ŝi kunmetas.

Kaj apenaŭ ŝin ekvidis
La pufvangaj anĝeletoj,
For sin pafis ĉiuj kune;
Nur bruet' de mil flugiloj
Ĉe l' plafono formortadis,
De l' kameno nur okulis,
Kun la fum' disfandiĝante,
Ridetantaj infankapoj
Belaj, blondaj, buklohavaj,
Kaj brueto formortadis...
Sola staris tie Zita
Konsternite, meditante,
Kaj eksonis voĉ' de l mastro:
„Jam tagmez' ni volas manĝi!"
Mi ne scias, kio sekvis;
Sed la ĉarma anĝeleto
Ĉion ĉi al mi dirinta
Flustris en orelon mian,
Ke' kontentis la prefekto
Kaj la estimindaj gastoj
Pli ol iam ajn antaŭe.
Kaj samtempe li ridetis
Kaj surblovis sian fingron,
Kaj li malaperis fluge
En la ar' da miaj revoj. —

Simple do kaj, senafekte
Mi finkantis la legendon.
Kaj ne gravas, ĉu al iu
Plaĉos ĝi; nur vin mi petas:
Ne koleru, sankta Zita!

El la ĉeĥa: **Miloŝ Lukáŝ.**

ŝancon al promocio en la maldensigita vico da oficistoj.

Tute ne estis agrable al Riquetti, ke la pluvego lin pelis en kinejon; li bedaŭris la fordibocitan kronon kaj lia indigno grandiĝis, kiam la unua filmo montris pripensindajn mankojn. Grandaj partoj jam tre eluziĝis, aŭ eĉ disŝiriĝis; meze en la vestaĵoj, aŭ eĉ en la vizaĝoj de la ĉefroluloj iafoje oscedis granda truo kaj la konata „brilpluvado", ofte trakuranta trouzatan filmon, kuris tra ĉiuj bildoj, jen en la mezo, jen ĉe la randoj. Riquetti, kiel akurata librotenisto, favoris severan komercadon. Li pagis senriproĉan kronon por sia enirkarto, do pretendis ankaŭ same senriproĉan bildaron!

Nu, nenio tamen estis pli fora de la kvieta estaĵo Gabriele Riquetti, ol malsaĝa ĝojo pri skandaligo, karakterizanta la triestan junularon. Li iam frekventis germanan komerclernejon, laboris ĉe aŭstra banko, gajnis aŭstrajn kronojn, lia malgranda fianĉino estis la filino de aŭstra oficiro ĉe la administrejo, resume: malgraŭ sia itala nomo kaj loĝado en Triesto, li estis vera, imperiestrareĝa regato, sed li ankoraŭ neniam pli malproksimiĝis de sia naskiĝloko ol ĝis Pela, kaj do ne sciis pli bone, ol ke en ĉia amuzejo oni ekbruas, kiam la prezentaĵoj ne kontentigas. Tion eĉ faris homoj el Krakovo, Trenesvaro, tuj kiam ili, translokitaj al la marregiono, pasigis nur kelkajn semajnojn en la suda, ekscita sfero.

Riquetti do komencis certmaniere meti du fingrojn de ambaŭ manoj en la buŝon sub la langon, por per kutima fajfado konigi sian malkontenton al la direktoro. Tamen la akra norda vento, kiu tiun malluman oktobrotagon skurĝis la parkojn ĉe la triesta haveno, necesigis lin surmeti la varmigajn, trikitajn gantojn, malkare aĉetitajn de la fianĉino en la bazaro, kie ŝi laboris. Dum la naiva viktimo de la fato pene „senŝeligis" siajn manojn, zorge enpoŝigis la gantojn kaj ĝustaloke enbuŝigis la fingrojn . . . jam finiĝis la eluzita filmo; unu sekundo da nepra mallumo kaŝis la preparan manipuladon de Riquetti kaj . . . kiam fine la fajfo provoke ŝiris la silenton, la ekrano ĝuste montris la kolorigitan portreton de monarko Francisko Jozefo, aŭreolita per brile verda laŭrkrono . . .!

En la 4a monato de ankoraŭ freŝa, milita entuziasmo, en la spionata centro de la timiga „irredenta", mokfajfi Imperiestron Francisko Jozefo . . . nur kiu plejaltgrade posedas la kapablon sin sente transloki en la pasintecon, sole tiu iom kunsentos la flaman ekscitiĝon, kiu ekregis ĉiujn ĉeestantojn! La kompatinda Riquetti klare sentis, kvazaŭ malvarma klingo lin tratranĉus. Ne restis tempo al li forigi la fingrojn el la buŝo, por efektive eligi la terurigitan „oho", telegrafitan de la cerbo al la lango. La grandan plafonlumon oni tuj ŝaltis laŭ la ordono de la ekstarantaj gastoj, la malmultaj rigardantoj dense kirliĝis ĉirkaŭ la baraktanta krimulo... kaj kiam oni fine venigis policanojn forkonduki la perfidulon, la fianĉino de Riquetti jam ne povus lin identigi, tiel la ŝturma fidelo-al-la-imperiestro de la ĉeestantoj faris lian vizaĝon ruĝe kaj blue farbita topografia karto de la Alpoj. Kaj ankaŭ poste, kiam la ŝvelinta buŝo, jam cikratiĝinta, povis respondi la policmajoron, la esplorjuĝiston kaj ĉiujn sinsekvajn inkvizitorojn, ĉiu peno klarigi la veran kielon restis vana. Nun, kiam riveliĝis tiom malofta okazo paradi per la propra lojalo kontraste al la hontiga konduto de ĉi tiu kulpulo, neniu oficisto lasis forrabi de si tion per la malsaĝaj pretekstoj de la akuzito. Kaj certe ne en milita tempo, kiam liberigon de „irredentisto" oni neeviteble respondis per forigo al la fronto . . . kaj tiel la mizera Gabriele Riquetti falis de unu militista karcero monarkia en alian, ĉie grave eksentis la severan „fidelon al la imperiestro" tiel korpe kiel spirite, kaj liaj simplaj, fidelaj, mirigitaj okuloj rigardadis el abismoj ĉiam pli profundaj al la peco da blua ĉielo, videbla tra la kradoj. Jen migris la nuboj, neretenataj de perforto, al la sudo, al blua Adrio, al la bela strandvojo Miramaro al la kara, bele buklita knabino, kiu sendube nun sidas sur la genuoj de aliulo . . .!

Kiel feliĉa li estus kaj kiel gaje kaj kontente li povus pluvivi apud sia fianĉino, se li tiun tagmezon, anstataŭ en kinejon, rifuĝus en kafejon antaŭ tiu pluvotorento! Estis tro kruele el la infero de la kaptiteco rigardi la apudan liberon, ekzilitan de malsaĝa hazardo post ferdrato kaj bajonetoj. La mallarĝa brusto, muelita de multjara laborado

## ĈEVALO

S. TAKUNAGA

Mi amas ĉevalon. Sed mi amas precipe simplan ŝarĝĉevalon, kontraŭ kiu mi sentas grandan amikecon. Mi ne amas la fieraĉan ĉevalon, kun nobelo sur la dorso, belharan kaj belforman. Ĉiufoje, kiam mi vidas tian ĉevalon, mi sentas kvazaŭ mi mem estus humiligita.

Inter ĉevaloj troviĝas ne malmulte da furiozaj. Ne mankas ankaŭ duonfrenezaj, nervozaj ĉevaloj, sed mi amas eĉ tiajn furiozajn ĉevalojn.

Ĉevaloj kompatindaj!

Ĉevaloj ŝajne senzorgaj!

Ĉevaloj fieraj kiel tiranoj!

Ĉevaloj libere paŝtiĝantaj sur stepo havas ĉarman amikecon, kian ni ne trovas ĉe urbaj ĉevaloj.

Ĉevalo havas eksterordinare grandajn okulojn kompare kun aliaj animaloj. Blue nigraj pupiloj de ĉevalaj okuloj estas mirinde grandaj, ke la okuloharoj respeguliĝas en la pupiloj. Kaj kiam ĉevalo estas tute laca, dum ĝi devas iri ankoraŭ longan vojon, ni vidas, kiel ĝiaj okulharoj delikate moveliĝas du-tri foje kaj jen grandaj larmoj aperas kaj malsekigas la pupilojn. Vidante ĉevalon tiel plorantan ankaŭ ni, la homoj nevole eklarmas pro simpatio.

Tio okazis, kiam mi estis dekkvarjara kaj mia frato dekunujara.

Ordinare mi simple akompanis la patron, kiam li iris labori kun sia ĉevalo, sed ĉar okaze li kuŝis en malsanlito, anstataŭ li mi iradis labori kun mia frato tirante la ĉevalon.

Unu tagon okazis, ke ni devis iri de la 10a nokte al urbo nomata Ueki, kiu distancis de nia domo proksimume 50 km. kun la ĉevalo peze ŝarĝita per glaciumitaj fiŝoj.

Mia ĉevalo estis ĉirkaŭ okjara kaj bruna.

---

super kurantkontaj libroj, ne povis plu rezisti la streĉon de akumiliĝinta sopirado... kaj en bela printempa tago de la lasta militjaro Gabriele Riquetti translogiĝis al sia lasta ripozejo. Eĉ de lia tombo la malmultaj ĉeestantoj sin deturnis, strebante antaŭ la kolegoj ankoraŭ plilumigi sian abomenon al la ekziliteco de la mortinto.

Ĉi tie finiĝus la historio pri la nekomprenita mokfajfado kaj ties viktimo, se la ruiniĝo, kiu en Aŭstrio kap-alterigis ĉion, ankoraŭfoje ne ŝanĝus la estingitan vivon de Gabriele Riquetti, malgraŭ lia morteco. La mokfajfado al la griza imperiestro en 1914a nun por ĉiu fariĝis stimulo al laŭdinda agado kaj diktis al Triesto de la flirtanta trikoloro la taskon laŭdece honori la martiron, disŝiritan de la imperiestraj-reĝaj ungegoj pro lia flama „Italianita"; ĝi precize proponis saman okazon al honorado, kiel tiam al malhonorado. Oni konsistigis komitaton el viroj, strebantaj al „rubandeto", ŝtata ofico, parlamenta seĝo, aŭ dezirantaj forviŝi kompromitan, entuziasman pasintecon nigra-flavan. La cindron de tiu varmsanga patrioto, aŭdace spitinta la reganton de potenca regno, oni elterigis kaj, ĝin plibriligante per edifaj festoj, konfidis al Patrino Tero, nun libera, kion jam tiel fajre deziregis la nobla mortinto.

La samaj policanoj, iam transportintaj la sangantan krimulon al la polica ĉefoficejo, rigide staris antaŭ la densa amaso kaj inter la honorantoj, kiuj staris kun nuda kapo ĉe la senferma tombo; kaj multaj klopodis per perforta aperigo de la larmo forviŝi la memoron pri la fakto, ke iam ili transdonis kaj kun abomeno parafis la dokumentojn de la perfidulo. Vere la paroladantoj ĝenerale estis „novaj viroj", kiuj en la tempo de tiu fama mokfajfado vivis en la ombro kaj nun per belegaj frazoj, famiĝinte kaj laŭdate, ricevis honoron pro la ago, kiun la kompatinda Riquetti, kiam tiu ago danĝeris, malgraŭvole plenumis. Se oni lokus la faman mortinton inter la ĉeestantojn de lia honora funebrado, li, malgraŭ sia simplo, mirigite konstatus, ke mirakla similo montriĝas en la patoso de tiuj viroj, iam tondre postulintaj lian punadon, kaj en la paroloj kaj gestoj de la nunaj honorantoj... La unuaj lin enkarcerigis, la aliaj lin enterigis, ambaŭ dezirante altiĝi per lia falo. Por li restis nur la batoj kaj terbuloj, honore jetitaj post li en la tombon...

Tradukis: **P. Ŝvarc.**

Ni piediris, mi kun la kondukrimeno kaj mia frato kun paperlanterno en la mano.

Sed kiam ni lasis urbon post ni kaj venis sur kampan vojon, mia frato ekmontris signojn de laciĝo, mi do sidigis lin sur la ĉaron kun la ŝarĝoj. Kaj ni daŭrigis la vojon de tempo al tempo kantante.

Estis plene malluma nokto. En la ĉielo neniu stelo estis videbla. Senlima kamparo ordinare aspektas al urbaj infanoj tiel soleca, ke ili ne kuraĝas tie iri solaj, sed ni ne sentis tian solecon, ĉar ni jam plurfoje trairis ĝin akompanataj de la patro.

Kiam ni iris jam ĉirkaŭ 12 km., ŝajnis al mi ke baldaŭ ekpluvos. Mi vekis do la fraton, kiu dume endormiĝis sur la ĉaro, kaj rapide kovris la ŝarĝojn kontraŭ minacanta pluvo.

Nin tute ekposedis maltrankvilo. Ni timis, ke ni ne prosperos trapasi la krutan deklivon de Kanakugi, se denove venos pluvo, ĉar jam pluvis la antaŭan tagon.

Kiam ni preterpasis la teejon de Hitotumatu, efektive komenciĝis pluvego.

„Jen vi havas!"

Mi haltigis la ĉevalon kun maltrankvilo, rapide kovris ĝin per pajlomato, por ke ĝi ne malvarmumu, kaj rigardis supren al la mallumega ĉielo, por vidi kiel iras la nuboj kaj kiel la pluvo falas. Vidante, ke nigra nubo kun mirinda impeto iras de la okcidenta kaj suda partoj de la ĉielo al parto ankoraŭ relative hela, kvazaŭ maldensa fumo, mi ekpensis, laŭ scio bazita sur la instruo de la patro, ke baldaŭ fariĝos terura pluvego.

Mia hanteno*) kaj tiu de mia frato ambaŭ tuj malsekiĝis kaj de ili komencis gutadi.

Ni portis kun ni nur unu pluvmantelon de la patro. Per ĝi mi kovris la fraton, kiu kliniĝante antaŭen siavice pene ŝirmis la paperlanternon, por ke ĝi ne estingiĝu.

Mi sentis grandan embarason interne, sed mi kuraĝigis min mem kaj la ĉevalon, frapetante ĝian nukon. Dume ni venis al deklivo, sur kiu ni iris de tempo al tempo instigante la ĉevalon: hop, hop!

Min maltrankviligis antaŭ ĉio tio, ke la vojo fariĝis pli kaj pli kota.

Eble vi ne komprenus nian senton, se vi mem neniam tirus ĉaron k. s. Nenio estas ja pli maltrankviliga por ĉartiristoj ol malbona vojo.

La pluvo ĉiam pli fariĝis torenta.

Estis frusomero, sed la nokto estis profunda kaj la malvarmeco penetris al ni ĝis la ostoj.

Videble ankaŭ la ĉevalo laciĝis: ĝi malrapidigis la iradon kaj tuŝadis mian vizaĝon per sia kolo kaj vizaĝo.

Sed la pluvo ŝajnis ne finiĝonta en unu aŭ du horoj, kaj mi pensis, ke ju pli longe daŭros la pluvo, des pli malfacila fariĝos la kruta deklivo de Kanakugi, kaj devis perforte streĉi la kondukrimenon kaj vipadi la ĉevalon por rapidigi ĝin. Krome por ne tro ŝarĝi la ĉevalon, mi plu ne sidigis la fraton sur la ĉaron kiel antaŭe.

„Iru rapide, kaj vi eksentos vin pli varme!"

Mi ekkriis al la frato el la tuta gorĝo. Li preskaŭ konstante faladis sur la kotan vojon, sed li brave iradis. Tamen ĉar lia korpo estis malgranda, ĉiufoje, kiam li enprofundiĝis en la koton kaj preskaŭ falis, li estingis la lanternon.

„Diablo penu! Estu firma!"

En mia senpacienco mi subite levis la piedon kaj batis lin, kvankam mi bone konsciis, mi ne devas tion fari.

Fine mi venis al la kruta deklivo de Kanakugi, kiun ni ĉar-tiristoj timis pli ol ĉion ajn.

100 m. antaŭ la deklivo ni haltigis la ĉevalon kaj ekripozis.

„Cu ni sukcesos, fraĉjo?"

La frato, tute kovrita per koto, rigardis al mi supren, zorge ĉirkaŭbrakante la lanternon.

„Kompreneble . . ."

Mi fanfaronis por kuraĝigi lin kaj min mem, kaj preninte el tirkesto de la ĉaro falĉilon, mi iris por falĉi iom da herbo ĉe la lumo de la lanterno kaj donis ĝin al la ĉevalo. Tiu ĉi tamen nur prenis la herbon en la buŝon kaj rapide spiris. Videble ĝi jam tute laciĝis.

„Gi devas esti tre laca, fraĉjo."

La frato diris vidante, ke la ĉevalo ne volas tuj manĝi la herbon. Mi formetis la ĉapon

* Hanteno: supervesto de japana laboristo.

* Flako: marĉeto formiĝinta post pluvo.

## LINGVO

KAJ TAMEN LA TERO TURNIĜAS!

*(Tedа sed instrua traktato, per kiu la distranĉita Gordia nodo denove implikiĝos.)*

Moto: „La patro donis al la infanoj po unu pomo." (Franca proverbo.)

La supra frazo ne plaĉas al Dro Kalocsay. Ĝi ŝajnas al li stumpa, ĉar mankas en ĝi rekta objekto en akuzativo, kiun postulas la transitiva verbo. Tial li konsilas, meti la distribuatan substantivon ĉiam en akuzativon, kaj laŭ logikaj rezonoj, kiujn li detale priskribis, en akuzativon pluralan (Lit. Mondo 1947. paĝo 123). Do la frazo tekstaŝ laŭ Dro Kalocsay jene: „La patro donis al la infanoj po unu pomojn." Li asertas, ke la pekulo, kiu konfuzas la kapon de la gramatikistoj, malinklinaj uzi pluralon post „unu", estas la numeralo, kiu kondutas „duvizaĝe": Rilate al la substantivo ĝi rolas adjektive („unu pomo"), rilate al la prepozicio ĝi rolas substantive („po unu"). Mi volas elprovi la portkapablon de ĉi tiu teorio.

1. Unue mi skribas jenajn frazojn: „La filoj heredis po unu ĉevalojn — po du ĉevalojn — po kelkaj ĉevalojn — po pluraj ĉevalojn — po multaj ĉevalojn." Brave, bravisime, krias la akuzativistoj, dum la nominativistoj estas iom konfuzitaj, sed silentas sub la forto de la argumentoj de Dro Kalocsay.

2. Nun mi iom modifas la frazojn, alkroĉante al la pekema numeralo ankoraŭ alian kvantindikan esprimon: „La filoj aĉetis po unu korbojn da pomoj — po du vagonojn da pomoj." Ankoraŭ brave, ĉu? La pli kuraĝaj el la nominativistoj dubas, ĉu la filoj vere aĉetis korbojn da pomoj, ĉiu po unu. Ili asertas, ke la korboj restis proprajo de la legomistino kaj ke la filoj aĉetis nur pomojn, ĉiu po unu korbo. Sed mi mem estas grandanima kaj diras, ke en la gramatiko oni ne povas ĉiam argumenti per logiko.

3. Mi denove modifas la frazojn, nun tute ellasante la pekeman numeralon kaj anstataŭante ĝin per sennumerala kvantindiko: „La filoj aĉetis po korbo da pomoj." Sed kie estas nun la rekta objekto, montrenda per akuzativo? Ĉu mi ellasu la prepozicion „da"? Mi tion provos: „La filoj aĉetis po iom pomojn — po tutaj vagonoj pomojn — po multaj vagonoj karbon (singularo!) — po amaso varojn — po paro ŝuojn. Ili heredis po duopo ĉevalojn — po paro ĉevalojn — po miliono dolarojn. La bona onklino adiaŭis, doninte al ni po kelkfoja kisojn — po kelkobla kisojn." La bravo-krioj silentiĝis, sur la kapo de pluraj legintoj hirtiĝas la haroj kaj aŭdiĝas protesta murmurado. Nur la malmolkapaj akuzativistoj fervore kaj entuziasme klarigas: „Tiuj frazoj estas tute korektaj. Se oni povas diri, ke la filoj aĉetis ŝuojn, ĉiu po unusola paro, ni povas la kvantindikon ankaŭ antaŭmeti kaj diri, ke ili aĉetis (po unusola paro) ŝuojn." Estante tolerema viro, mi ne objetos, ke neadverba adjekto (prepozitivo) precipe longa (ĉi tie la esprimo „po unusola paro") staras ordinare post la objekto, kaj ne antaŭ ĝi (ĉi tie la vorto „ŝuojn").Mi nur montras al Plena Gramatiko § 400.

---

kaj ĉerpinte per ĝi malklaran akvon el apuda flako* trinkigis la ĉevalon.

Ankaŭ ni sidiĝis sur la ĉaron kaj manĝis bulojn da rizajo. Peklita rafano, kiun ni portis kiel almangajon, estis perdinta guston pro troa malsekiĝo. Sed tio ne gravis por ni.

Kiam la pluvo momente moderiĝis, mi prenis denove la kondukrimenon. La frato ie trovis bambuan bastonon kaj iris al la kontraŭa flanko de la ĉevalo.

„Nu, ĉu bone?"

La ĉevalo, frapita sur la nuko, ektremis kvazaŭ jesonte, kaj abrupte starigis la antaŭajn piedojn.

„Hop, hop!"

Miaflanke mi ligis la rimenon al la timono de la ĉaro kaj tirante ĝin per la ŝultro volis levi la ĉaron ĝis la mezo de la kruta deklivo. Ankaŭ la frato vipadis la ĉevalan postajon, kurante apud la ĉaro.

La koto estis terure profunda. Ĝi preskaŭ kovris la duonon de la ĉaro. Se ni iomete dekliniĝos maldekstren, ni trafos krutaĵon 5 metrojn altan, malsupre de kiu troviĝis marĉosimila rizkampo.

„Nu, ankoraŭ unu tiro kaj ni atingos la supron."

Mi diris tiel, sed en efektiveco tiam ni ĉiuj, la ĉevalo, la frato kaj mi, estis preskaŭ elĉerpitaj.

„Jen!"

La ĉevalo fervore tiras. Ankaŭ mi tiras per ĉiuj fortoj. Sed malgraŭ ĉio la ĉaro eĉ ne movetiĝas, kvazaŭ suĉata de la koto.

La ŝarĝoj, t. e. la fiŝoj, fariĝos sentaŭgaj, se ni ne povos alporti ilin al la pogranda fiŝkomercisto en Ueki ĝustatempe antaŭ la tagiĝo.

Jen la ĉaro apenaŭ movetiĝis.

„Hop, hop!"

4. Mi faras plian paŝon, jam la lastan: Mi tute elĵetas la vorton de la kvantesprimo, subkomprenante ĝin el la singularo: „La filoj heredis po ĉevalo — po ĉevalparo — po ĉevalduopo — po ĉevaltriopo — po ĉevala dujungajo. La bona onklino adiauis, doninte al ni po kiso — po kelkfoje ripetita ŝmaca kiso. La saĝa reĝo starigis en la pordojn de sia kastelo po kuraĝa soldato kun halebardo.“ Mi vetas, ke nun eĉ la plej ortodoksaj akuzativistoj ne eltordos el ĉi tiuj frazoj akuzativon (sen paroli pri akuzativo plurala!), krom ke ili rompus la premison kaj subŝovus tien la numeralon „unu“. Sed mi apelacias al la esperantista publiko kaj proponas, ke oni voĉdonu, ĉu ĉi tiuj miaj ekzemploj estas klaraj, logikaj kaj korektaj, au ne. Kaj se oni jesos, do jen la konkludo: *La teorio pri la plurala akuzativo post distribua prepozicio PO ne estas kontentiga, ĉar ĝi ne solvas ĉiujn kazojn.*

Mi kompreneble ne volas nur detrui. Kondamninte unu teorion, mi devas prezenti alian, pli taugan. Tiu mia estas tre simpla, sed mi rakontos ĝin iom larĝvorte:

Estas konata afero, ke Zamenhof pruntepreníis la prepozicion PO el la slavaj lingvoj. Ĝi ekzistas ankau en la ĉeha. Kaj tie la afero pri PO statas tute same, kiel en Esperanto. Oni diras ekzemple:

Ĉehe: Otec jim dal jablko (singulara akuzativo).

Esp.: La patro donis al ili pomon (singulara akuzativo).

Ĉehe: Otec jim dal po jednom jablku (singulara prepozitivo, ne plurala akuzativo!).

Esp.: La patro donis al ili po unu pomo (singulara prepozitivo ne plurala akuzativo!).

Leginte la fervoran argumentadon de Dro *Kalocsay* por plurala akuzativo post PO, mi demandis min mem, kial ni ankau en la ĉeĥa lingvo ne havas post PO pluralan akuzativon. Mi prezentis tiun problemon al la Lingva Instituto de la Ĉeĥa Akademio, petante klarigon, kien malaperis la rekta objekto, nome la akuzativo post la transitiva verbo „doni“, kiam oni uzis la distribuan prepozicion PO. Kaj afabla profesoro min instruis jene:

Post la transitivaj verboj staras la objekto kutime en akuzativo, sed ne ĉiam. Povas ĝin esprimi ankau tuta frazo („Mi vidas, ke pluvas“), aŭ infinitivo („Mi vidas pluvi“), au mezurindika adjekto („Mi havas malmulte da pano“). Speciala kazo estas, se tiu mezurindika adjekto estas prepozitivo kun la distribua PO. Tiam la rektan objekton rolas la tuta PO-komplekso („po unu pomo“), ne nur la substantivo („pomo“), same kiel la tuta esprimo „malmulte da pano“ estas rekta objekto de la verbo „Mi havas“.

Kaj la afabla akademiano elŝutis amason da citajoj el la literaturo, gramatikoj kaj sintaksaj traktatoj. Mi koncedas, ke la Ĉeĥa Akademio ne estas kompetenta pri Esperanto, sed la jus nomita teorio ŝajnas al mi tre tauga, ĉar ĝi estas simpla, konsekvenca kaj solvas ĉiujn eblajn kazojn. Kaj ĝi ne estas tute fremda al Esperanto, vidu Plenan Gramatikon, § 306, Rim. II.

Kompreneble, oni povas ankaŭ en la ĉeĥa lingvo turni la frazon alimaniere kaj diri ekzemple: „La patro donis al la infanoj pomojn, al ĉiu po unu“. Sed tiam temas pri tute aliaj frazoj. Oni ankau ne povas la esprimon „al ĉiu po unu“ meti antau la

---

La frato jam plorante vipas la ĉevalon sur la postajo per la bambua bastono.

Kiam ni trapasis la sep dekonojn de la deklivo, la ĉevalo abrupte ekhaltis. Fleksante la antaŭajn piedojn ĝi sidiĝis en la koton. Ni volis malpli pezigi la ŝarĝojn, sed formeti la pezajn ŝarĝojn sidantajn supre ne estis laŭforte por ni knaboj.

„Fi, vi malforta!“

En senespero mi kruele tiris la kolharojn al la ĉevalo, sed ĝi ŝajnis kvazaŭ malviva, apenaŭ movetis la kapon. Ĝi jam ne havis la forton por rektigi la fleksitajn piedojn por sin levi, kompatinda besto!

„Ion ni faru, fraĉjo . . .?“

Nun mia frato tute perdis la kapon kaj sidiĝis en la koton kun la lanterno inter la brakoj. La grandaj okuloj de la ĉevalo, kies nuko tuŝis la lanternon, montriĝis plenaj de larmoj. Vidante tion mi jam ne povis reteni mian senton, kaj ĉirkaŭprenante la ĉevalon sur la nuko, mi laŭte ekploris kune kun la frato.

Unu horon poste ni prosperis transpasi la deklivon helpate de laboristo, mia konato, kiu iradis la saman vojon tien kaj reen.

Efektive ne ekzistas tiel honesta besto kiel ĉevalo. Ankoraŭ nun, post multaj jaroj, kiam mi vidas ĉevalon, kiu tiras ĉaron, mi eksentas elkoran amikecon kontraŭ ĝi.

Ĉevalo ne nur ploras, sed ĝi ankaŭ ridas ne malofte. Sed ŝajnas al mi, ke en Tokio nur malmultaj ĉevaloj estas tiel senzorgaj, ke ili ridas.

El la japana: **T. Kurisu.**

(La aŭtoro de tiu ĉi rakonteto S. Tokunaga estas japana proleta verkisto fama pro la romano „Strato sen Suno“, kiu estas tradukita, kiom mi scias, en lingvojn germanan, francan kaj rusan. — Trad.)

# OBSERVO

### Hamlet

Hamlet certe estas granda filmo. Bonega arango, perfekta fotografado, eminentaj aktoroj, inter ili, en la ĉefrolo, Lawrence Olivier, la plej bona Shakespeare-interpranto kaj samtempe

---

akuzativan objekton, sed ĉiam nur postmeti ĝin.

La jus prezentita teorio povas esti aplikata ankaŭ ĉe la kvantesprimoj kun la prepozicio CIRKAŬ. La respektiva ĉeha frazo tekstas ekzemple en laŭvorta traduko: „Mi vidis tie ĉirkaŭ ducent homoj". Ne estas tie akuzativo, sed prepozitivo, kaj ĉi tiu tuta mezur-indika adjekto „ĉirkaŭ ducent homoj" rolas kiel objekto post la transitiva verbo „mi vidis". Simile statas la afero pri la kvantesprimoj kun SUPER, kaj ĜIS. NI do vidas, ke ankaŭ nominativo estas ĉi tie defendebla.

Sed ni povas ĉi tiujn vortojn CIRKAŬ, SUPER, ĜIS opinii ankaŭ adverboj (Plena Gramatiko diras: pseŭdo adverboj), kaj tiam sekvos post ili la akuzativo: „Mi vidis tie ĉirkaŭ — super — ĝis ducent homojn", same kiel en la frazo: „Mi vidis tie preskaŭ — nur plusminus, plimalpli — pli ol — almenaŭ — minimume — maksimume — proksimume ducent homojn."

Tiel la teorio pri sekvoj de „duvizaĝa" funkciado de la numeraloj (kiu cetere en unu kazo rifuzas servi) fariĝas nebezona.

Mi finas vokante al ĉiuj kvar ventoj la obstinan konfeson de Galileo Galilei pri la tero, kiu tamen moviĝas, eĉ se la aŭtoritato dekretis alimaniere: „Eppur si muove!" Tamen la nominativo!

Per tio mi adiaŭas al la afablaj kaj paciencaj legantoj kaj sendas al ĉiuj samsentaj nominativistoj po sincera saluto, kaj al la plural-akuzativistoj po unu bonajn noktojn.

**Dro T. Pumpr.**

unu el la plej grandaj artist-individuoj de Anglujo.

Olivier en tiu ĉi filmo estas pli ol nura reprodukta artisto. Li rilatas al la ĉefverko de Shakespeare ne tiamaniere, kiel ĉe Henriko V., kie li volis kiel eble plej fidele komuniki la tragedion, sed li konscie knedas, transformas la verkon, rigardante ĝin preskaŭ kruda materialo. Tiel do lian Hamleton oni ne povas diri simpla filmigo de Shakespeare-a tragedio, ĝi ŝajnas preskaŭ nova prilaboro de la Hamlet-legendo.

Cu tiu nova Hamlet atingas la grandon de la verko de Shakespeare? Tion oni devas nei. Neniu figuro, krom Hamlet mem kaj Ophelia, estas egalvalora al la Shakespeare-aj figuroj, eĉ male, ili estas malsuperaj (Polonius, Horatio, la tombisto, la aktoro-reĝo) kaj pluraj tute malaperas (korteganoj, Fortinbras). Pro la ŝanĝiĝo de la figuroj ŝanĝiĝas ankaŭ iliaj rilatoj, kaj inter la ŝanĝitaj cirkonstancoj ankaŭ la figuro de Hamlet ricevas alian sencon, ŝanĝante per tio, kaj per la aldonitaj scenoj, la tutan direnhavon de la verko. Apenaŭ oni povas opinii, ke tia eksterordinare konscia kaj kulturita artisto, kia Olivier, simple miskomprenis Shakespeare-on: tion kontraŭdiras la nobla ludo, kaj pluraj eminentaj scenoj, elstaraj ankaŭ el la vidpunkto de la filmarto. Ĉi tie, kiel ni diris, temas pri la pluformo de la Hamlet-legendo, pri ties starigo en la servon de nova direnhavo.

Tamen, inter la du Hamletoj estas multa komuneco. Shakespeare metas tiajn demandojn de la suprenstrebo de l'burĝaro, de la dekadenca socio, de la burĝa pensado, kaj de la individuo elleviĝanta el la dekadenco sole per intelekta vojo, ke tiuj demandoj trovas ehon kaj analogion ankaŭ en la nuna burĝa socio. Shakespeare klare montras al ni la bildon de la dekadenca, sin mem dismordanta mondo (Claudius kaj lia kortego), kaj klare montras, ke la simple bona kaj honesta estaĵo nepre pereas inter la rafinitaj implikaĵoj de la diseriĝanta socio, ke eĉ la homon de plej alta morala sento kaj de plej profunda pensado frakasas tiu mondo en sia falego, se tiu ne povas de ĝi ĝustatempe forŝiriĝi, ĉar li ne vidas klare la naskiĝantan novon, kaj tiamaniere, per la abstraktaj normoj de sia fremda al la realo filozofio, faras kaptilon por si mem. Al tiu falinta figuro Shakespeare kontraŭstarigas la figuron de Fortinbras, kiu ekkaptas la konkretaĵojn kaj trovas por si la vojon.

La Hamlet de Olivier konservas la dekadencon, la mediton de abstrakta filozofado, sed Fortinbras mankas en ĝi, kaj per tio la filmo absolutigas la specialan fiaskon de Hamlet, kreante atmosferon de ĝenerala morto kaj neniiĝo. Se ni ankoraŭ konsideras, ke la fortikaĵon de Helsingör Oliver lokas en marsieĝata, nebulkovrita soleca insulo kaj la scenoj pasas en morna duonmallumo, farante tiel vere premegan efekton dum la tuta okazaĵo, eble ne estas nura miskompreno diri, ke ĉi tiu filmo volas esprimi la mondfin-atmosferon de Anglujo, vivanta eble la plej grandan krizon de sia historio.

Komprenéble, tiu mondfinatmosfero tute ne estas pravigita, ĉar Anglujo ja havas elirvojon el la nuna situacio. Kaj tial la filmo ne konstruiĝas sur firma fundamento, tial ĝi havas la multajn etajn makulojn kaj erarojn de ludo, dekoracio, arango. Granda talento, reprenínte la plej bonajn tradiciojn de la pasinto, luktas en ĝi kontraŭ la limoj de la ebloj — kaj ne venkas. Tamen, la filmo apartenas al la elstare artvaloraj kreaĵoj de la okcidenta mondo.

**F. D.**

### T. S. Eliot.

La angla poeto T. S. Eliot ricevis la Nobel-premion de 1948. Laŭ la origina intenco, oni donas tiun premion por la rekompenco de verko aŭ verkado, kiu servas la aferon de la progreso

kaj paco. Estas inde okupiĝi pri la demando, kiagrade respondas tiujn kondiĉojn la premiito.

Sendube, Eliot estas tre karakteriza, kaj inter la du mondmilitoj eble plej signifa figuro de la angla poezio. Li komencis sian karieron per serĉo de novaj temoj, per ribelo kontraŭ la tradiciaj konceptoj de formo kaj enhavo. Cetere, li ne staris sola en tiu ribelo: la tuteŭropa senreviĝo post la unua mondmilito kreis tian krizan staton, kiu devigis la verkistojn por kontraŭmetiĝo al la proksima pasinto.

La romanverkistoj forĵetis la malnovajn metodojn de la templekto, karakterpentro kaj tipkreo: la konceptoj de spaco kaj tempo relativiĝis; malaperis la unueca okazaĵo kaj la centra heroo, la problemojn oni metis, sed ne solvis, eĉ la postulon de solvo anticipe rifuzis kiel antaŭjuĝon; per tio la verkistoj jen konsternis, jen konfuzis, jen indignigis siajn legantojn — tiamaniere ili vere estigis la ŝajnon de revolucieco. La poetoj forrifuzis la forman ordon de la tradicio, la pretendon je logika dir-koncepto, la penson pri la socia destiniteco de la poezio, kaj ĉian temosferon uzitan ekde la Viktoria epoko. Tio estas, sendube, konscie bildodetrua, konscie ribela sinteno. Sed la senreviĝo ne sufiĉas sen la trapenso de ĉiuj konsekvencoj. La plejparto de la angla literaturo, anstataŭ fronte ataki la burĝajn barojn, propre rifuĝis de la problemoj, kaj konstruis, ĉiu en sia maniero, la fikcion de nova arto por arto, por ne devi kontraŭrigardi la faktojn. Tiel naskiĝis, inter la du mondmilitoj, la literaturo de la burĝa dekadenco. Sendube troviĝas en ĝi kreaĵoj valoraj, kaj tre interesaj tiurilate, ke ili montras putrosimptomojn de kriza epoko. Sed pro sia unuflankeco, pro sia rifuĝo antaŭ la problemoj, ĝi ne povas kalkuli je literatura kredito.

En tiu evoluo, Eliot havis decidan rolon. La funda elemento de lia frua poezio estas la malkontento pri la mondo. En la „Rapsodio de Venta Nokto" li pripentras la terurajn ombrojn de granduiba nokto: bildon de mizera virino, stultaj aĵoj, angula lanterno, sensenta lunlumo, kompatinda ĉambro — lia senreviĝo, la realo de la bildoj, estas nepridubeblaj. Ni kredas je la sincero de lia ribelo. Sed Eliot rigardas nian tempon senspirita epoko, kaj kontraŭ tio li ribelas. La solvo: for de la civilizo, for de la mizero kreita de la materia mondo; returne al la klasika literaturo kaj al la katolika vivobservo. Eliot forturnas sin de la iluzioj de la romantiko: laŭ li, la poeto retrovas sian memon ne tiel, ke li aŭskultas la voĉon de la „koro" trarompante la barojn de la prudenta menso, sed tiel, ke la materialon de la poeta travivaĵo li volas intelekte manipuli. Havante grandegan kulturon kaj eksterordinaran asociacian pretecon, la materialon li konscie formas, fajlas kaj li plezuras pri la bizaraj eventualaĵoj de konscia, anticipe elpensita simbolismo. Liaj poeziaj bildoj estas formitaj ne baze de faktaj situacioj kaj travivaĵoj, sed la travivaĵon li asociigas kun la riĉaj konceptoj de sia kulturo, tiel ke por liaj poemoj oni povus verki literaturajn glosojn (li mem faras tion por sia poemo *The Waste Land*). La poezio tiamaniere fariĝas ekstreme komplikita bizara ludo, traplektita per sentaj elementoj, filtrita el realo kaj literaturaj memoroj. Oni povas laŭplaĉe malnodi la unuopajn versojn de tiu sprita impliko — plezura enigmosolvo por la adeptoj. Browning konfesis, ke la sencon de iu lia poemo, kiam li ĝin verkis, sciis nur li kaj Dio, sed de tiam li forgesis ĝin. Nu, tion oni ne povas diri pri la simbolismo de Eliot: ĉio havas en ĝi sian precizan, intelekte elkalkulitan lokon, kaj ĉio havas ankaŭ sian sentan koloron kaj travivaĵan enhavon. Tamen, ĉio ĉi: la bonega intelekta ekipo, la grandega kulturo, la senduba poeta talento ne povas kompensi la mankojn: la indiferenton pri la sorto de la homo.

Liaj kritikantoj diras, ke la plej elstara poemvolumo de la dua mondmilito estas la *Four Quartets* de Eliot. Nu, la fundaj motivoj de la volumo estas la relativeco de la tempo, la sentempeco de la aĵoj, la samsenceco de vivo kaj morto: ekstreme implikita spiritualismo. Jen estis do la problemaro de la dummilita angla poezio!

Eliot estas ankaŭ kritikisto, kaj kiel tia, li responsas pri la instruoj de la moderna metafizika kritika skolo. Eliot opinias, ke per la reformacio, kiam disŝiriĝis la kristana mondo, disŝiriĝis ankaŭ la fantazia forto de la poetoj: la poezio degeneris, kaj ĝia plej aĉa epoko estis la romantiko, kiam la senta elemento superregis la intelektan: la poetoj uzis la metaforojn ne por la memstara intelekta plezuro de la metaforo-kreo, sed kiel akcesorajn esprimrimedojn de la sentoj. Tial liaj preferataj poetoj estas tiuj de la XVII. jarcento, precipe John Donne. Tiuj poetoj, simile al Eliot, rifuĝis de la socia konflikto, kaj vidante en la poezio memcelan intelektan ludon, amasigis bizarajn ideojn, densigitajn komparojn, tio estas — kiel Eliot diras — ili ludis kun metaforo por la metaforo. La poezio de Eliot estas multrilate la perfektigo de tiu ludo. Ĝi estas acerba intelekta ludo, kaj kiam ĝi sente ekardas, ĝi flugas en mistikon abstraktitan de la veraj problemoj.

Fakte, la poezio de Eliot konsekvence kaj konscie detruas la progresajn tendencojn; tion rekonas eĉ liaj relative senpartiaj kritikantoj. Stephen Spender riproĉas lin, ke li ne turnas sin senkaŝe kaj simpatie al la malsatuloj kaj mizeruloj, kaj al tiuj, kiuj volas plibonigi la materiajn rilatojn de la mondo. La opinio de Eliot estas, ke liaj samtempanoj estas pajlopupoj, fantomoj, malplenaj skeletoj, kaj ke pli bonan mondon oni povas krei nur sur la firma fundamento de reakciaj tradicioj.

T. L.

**Je la 150-jara naskiĝjubileo de Adam Mickiewicz.**

Antaŭ 150 jaroj, la 24-an de Decembro 1798, naskiĝis la pola nacia profetpoeto Adam Mickiewicz. La literatura parto de lia vivo estas ĝenerale bone konata en la mondo. Precipe la Esperanta traduko de „Sinjoro Tadeo" diskonigis lian nomon inter la esperantistaro. En la jena artikolo mi deziras tuŝi la socian flankon.

Dum la tuta vivo Mickiewicz konsekvence batalis por libereco kaj demokratio. Li batalis poeme kaj proze, ne nur per vortoj, sed ankaŭ per agoj. Jam en Vilno dum sia juneco li fondis junularajn organizaĵojn, kies celo estis evoluigi en si nacian spiriton kontraŭ la carisma superforto. Post sia arestiĝo li la tutan vivon vagadis en fremdaj landoj ĉiam portante liberecan standardon.

En „Libroj de polaj pilgrimantoj" li preĝis: „Pri la universala popola milito ni petas vin, Sinjoro!". Kiam venis tia milito en 1848, la poeto ĵetis la plumon kaj kaptis armilon. Li organizis en Italio polan legion. La agadon li volis komenci en aŭstria armeo, kies granda parto konsistis el anoj de subjugitaj popoloj: poloj, ĉeĥoj, slovakoj, k. t. p. Se la intencita ribelo de tiuj militistoj sukcesus, unu el la ĉefaj reakciaj fortoj en Eŭropa disfalus. Kompreneble la ĉefa celo de la pola legio estis liberigi Pollandon. Mickiewicz deziris, ke la pola respubliko estu vera patrio de liberecaj rajtoj.

Sed ne nur por ŝtata sendependeco luktis la poeto. En 1849, fariĝinte redaktoro de pariza ĵurnalo „Tribuno de la Popoloj", li batalis ankaŭ por socia liberigo. Mickiewicz ĉiam simpatiis kun la socialismo. Li kredis, ke ĝi estas nova sistemo, kiu povos refunkciigi la falintan ordon. Kiom da zorgo pri la sorto de laborista klaso oni povas legi en la gazeto! Mickiewicz konsciigas laboristojn pri iliaj celoj. Ili ne devas enfali en la kaptilon preparitan de malamikoj. Plej danĝera kaptilo en tiu tempo estis domoj preparataj por laboristoj. La poeto atentigas, ke tiuj domoj ne povas silentigi la verajn celojn kaj tendencojn de la laboranta klaso.

Tia estis la aktiveco de la pola profetpoeto. Kaj nun, se ni konsideros, ke la politik-socian agadon akompanis ĉarmaj literaturaj verkoj, ni povas imagi al ni la veran grandecon de Mickiewicz.

**B. Sadowski.**

**Toynbee.**

A. J. Toynbee, profesoro de la internacia historio en la Londona universitato, direktoro de Royal Institute of International Affairs, estis post la unua mondmilito ĉe la Versailles-a packonferenco, kaj antaŭ nelonge ĉe la Pariza konferenco de la ministroj de eksteraj aferoj, konsilanto de la angla delegitaro. Kiel gastanta profesoro, li faris plurajn prelegojn en Usono kaj tie liaj verkoj estas ankoraŭ pli popularaj ol en lia patrujo. Lia ĉefa verko, A Study in History, aperis ĝis nun en ses volumoj, kaj nun li laboras pri pluaj tri volumoj. La usona D. C. Sommervell mallongigis la unuajn ses volumojn en unu sescentpaĝan volumon, kaj ĉi tiu vasta kompendio fariĝis *bestseller* en Usono. La plej batalema semajngazeto de la usona financkapitalo, *Time*, skribis en 1947, ke oni devus enkonduki novan tempokalkulon en la historiografio: A. T. signus la epokon antaŭ Toynbee, kaj P. T. la epokon post Toynbee.

A Study in History estas kompara studo pri la historio de la civilizoj sur 3488 paĝoj. La verko volas respondi la demandon: kio estas la movoforto de la civilizoj, „kiel devenas la civilizoj"?

Laŭ Toynbee la koncepteblaj unuoj de la historia esploro estas ne nacioj aŭ epokoj, sed homaj socioj, civilizoj. Li distingas dudek ses civilizojn, el kiuj postrestis nur kvin: 1. la okcidenta civilizo (Okcidenta Eŭropo, la angla imperio, Usono, Latina Ameriko). 2. Ortodoks-kristana civilizo (Rusujo kaj la ortodoksaj partoj de Sudorienta Eŭropo). 3. Islama civilizo. 4. Hinda civilizo. 5. Malproksimorienta civilizo (Ĉinio, Koreo, Japanio). El tiuj kvin — laŭ Toynbee — kvar estas antaŭ plena elĉerpiĝo, kaj ankaŭ la kvina spiradas penege.

Ekzistas ankoraŭ stagnantaj civilizoj (eskimoj, polinezoj, nomadoj), krome oni povas studi kelkajn mortintajn civilizojn (sumira, babilona, egipta, helena, meksika ktp. ).

Toynbee skizas tre poezie la staton prezentiĝantan al la historiofilozofo: sur la kolosega klifo de la tempo kelkaj civilizoj grimpas supren, terurite sin kroĉante al iu elstaranta roko, aliaj senforte-senpove kuŝas sur iu pli malsupra rando de la klifo. La historiisto ne povas vidi la ankoraŭ pli subajn regionojn de la „tempo-klifo", tiujn plurajn centmilojn da jaroj, kiuj pasis ĝis la „pli malsupraj randoj", kaj same li ne povas vidi la pli suprajn regionojn.

Jam tiu suspektinde poezia bildo emfazas, kaj Toynbee ankaŭ aparte substrekas plurfoje, ke li okupiĝas nur pri la „konataj civilizoj", t. e. pri la skribita historio. Laŭ li, oni scias pri du specoj de la homaj socioj: pri la primitivaj socioj, kiuj estas objektoj de antropologio kaj pri la „civilizoj" kiuj estas objektoj de historio kaj historiofilozofio. „Tion saman ni provas pri la civilizita speco de la homaj socioj, kion la antropologio faras pri la primitiva speco".

Toynbee, fakte, imitas la dudeka-jarcentan burĝan antropologion kaj alprenas, kiel tiu, sterile-statikan observmanieron. Nome, tiu antropologio ignoras la esploron de la evoluo-leĝoj, kaj studas la primitivajn kulturojn aparte, kiel „aĵojn en si", poste komparas ilin unu al la alia. En la rigardo de Toynbee, same, la historio de la homaro estas kolekto de interkompareblaj civilizoj, kiujn „filozofie

oni povas rigardi kiel samtempajn".

Jam anticipe oni povas diri, ke tiu observmaniero kaj tiu metodo estas arbitra kaj nescienca, sed antau ol tion pruvi, ni devas aserti, ke la historiisto nepre povas vidi pli el la rokomuro de la tempoklifo, ol la sesmiljaran periodon, sole videblan lau Toynbee. La civilizoj havas paseon, estas rezultoj de ĉirkaŭe duonmilion-jara evoluo. Kaj kiu ne okupiĝas, principe ne volas okupiĝi pri la plena historio de la homaro, kiu ne volas studi la vojon ekde la hordoj de la prahomoj ĝis la unuaj vere homaj sociiĝoj, tiu laŭnecese sin forpuŝas de la bazo de ĉia scienca pensado, por veni al pli kaj pli suspektindaj „poeziaj" regionoj.

Toynbee vere faras tion ĉi. Eksplikinte per la komparo de „tempo-klifo", ke la historiisto ne povas ekkoni la prahistorion, nek konjekti la direkton de la futura evoluo, li metas la demandon: kial kelkaj homsocioj povis „plu rampi supren", kial refalis aliaj (la mortintaj civilizoj), kaj kial restis senforte sur la rokorando aliaj (la primitivaj socioj)? Kaj kiel tiuj montgrimpantoj entute venis al la rokomuro, t. e. al la historia ekzisto? El kio fariĝis la historio?

„La dramo — skribas Toynbee — ekiras en la perfekta stato de Jin."

*Jin* estas ĉina esprimo, signanta la absolutan pasivecon, kontraste al *Jang*, kiu signas la agon, la dinamikon. Toynbee, helpe de tiuj ĉinaj esprimoj klarigas, ke Dion pasivigas la perfekteco de la mondo kreita, en kiu plua progreso ne estas ebla. „Tiu impulso, tiu motivo, kiu transpuŝas la perfektan Jinstaton en la novan Jang-aktivecon, estas la penetro de la diablo en la universon de Dio" — konstatas Toynbee. La historio estas eterna alterno de Jin kaj Jang.

Ĉu tiu ĉi teologia lingvaĵo estas nur „poezia" lumigo de la problemo-meto? Ne! Toynbee metas la demandon tute serioze: kiel, laŭ kiaj leĝoj manifestiĝas la Jin-Jang-procezo? Tiacele nia historiisto retroiras al la „racia" esploro, por ekscii, ĉu rasaj, biologiaj au mediaj, unuavice geografiaj kaj klimaj faktoroj povas doni ian klarigon. Kompreneble, pro sia nehistoria kaj nescienca observmaniero li ne povas ricevi respondon, kaj je la fino de la unua volumo li mem emfazas, ke la scienca pens- kaj esplormetodo ĉi tie fiaskas. La problemo, nome, laŭ li estas „spirituala".

„En nia lasta provo solvi la enigmon — li skribas — ni sekvu Platonon, kaj ni elektu la alian vojon. Por momento ni fermu niajn okulojn antaŭ la formuloj de la scienco, por povi malfermi niajn orelojn por la lingvo de la mitologio."

Nu, Toynbee fermas la okulojn antaŭ la „formuloj de la scienco" por iom tro longaj „momentoj". En sia sekvanta tia longa momento, li jene mitologas pri la faktoroj de la civilizo:

„La faktoro, kiun ni serĉas, estas ne simpla, sed plurspeca, ne „io", sed rilato. Tiun rilaton oni povas imagi, kiel reciprokan efikon de ne-homaj fortoj, aŭ interpuŝiĝon de du superhomaj personaĵoj. Ni elektu la duan eblon, eble tiamaniere ni akiros lumon."

Ekzemploj por la interpuŝiĝo de superhomaj personajoj: Jehovo kaj la serpento, Di-sinjoro kaj Satano, Di-sinjoro kaj Mefistofelo, kaj similaj bataloj en la aliaj mitologioj inter la spiritoj de Bono kaj Malbono. Kiam la diablo (Jang) aperas, ĝi donas okazon al Dio forlasi la pasivan Jin-staton kaj komenci novan kreadon. La diablo ne kapablas malhelpi Dion, fini tiun novan kreon je pli alta grado; farinte tion, Dio denove „rigidiĝas en Jin". La diablo provokas, kaj Dio respondas per ago. Tiamaniere, teologio kaj mitologio kondukas nian „scienculon" al la teorio (cetere ne nova), ke la moviĝon de la civilizoj estigas la reago al la provoko de la mediaj malfacilaĵoj. En la vivo de la socioj la „challenge" (provoko) kaj „response" (respondo, reago) estas laŭleĝaj. Krome efikas ja ankaŭ biologiaj kaj mediaj faktoroj, sed la decidan rolon havas la „nekonceptebla animo", tio estas, niaj malnovaj konatoj, la interbatalanta paro Jin-Jang.

Disvolvinte ĉi tiun edifan „teorion" per amasego da mitologia, historia kaj literatura materialo, kaj per ankoraŭ pli multe da belspiritaj aludoj, Toynbee ekklopodas, „science" esplori kaj pruvi la teorion tra kvin dikaj volumoj. Kaj nun sekvas miksaĵo de detalmaterialo kunbalaita el la kampo de ĉiuj eblaj kaj maleblaj sciencoj, kaj plejparte miskomprenita, kun ĉarlatana filozofado, „poeziaj bildoj" kaj naiva reakcia propagando. Oni ofte jam citis la titolpaĝon de bestkuracista lernolibro, kie ĉiuj malsanoj estas bilditaj sur unu malfeliĉa ĉevalo; nu, en ĉi tiu verko, same, oni povas trovi en tragikomika kirlomikso preskau ĉiujn burĝajn erarideojn, ĉiujn pseŭdosciencajn manifestiĝojn de la reakcio.

Ni tamen sekvu liajn eksplikojn, por demonstri, en kiajn absurdajn ekstremojn kondukas la konsekvenca validigo de la Toynbee-a teorio pri „nekonceptebla animo".

**(Finota)**

**La „nigra anĝelo" de Balzac.**

Estis unu el la vintraj tagoj de 1833 jaro, kiam granda franca verkisto, Balzac, ricevis enigman leteron en kiu ia nesubskribita korespondantino el la malproksima kaj mistera Ukraino plendis pri sia malfeliĉa sorto, pri senespera vivo kun maljuna edzo kaj pri siaj adorsentoj por la granda franca verkisto, poeto de virinaj koroj...

Balzac certe ne antaŭvidis, ke tiu letero estos la komenco de grandega deksepjara korespondado, kiu finiĝos per malfeliĉa edziĝo.

En tiu tempo Balzac estis en la zenito de sia gloro, kaj, laŭ statistiko farita de balzakistoj, jam ricevis dekdu mil amleter-

ojn de siaj adorantinoj. Do, la unua letero de nekonata virino ne elvokis specialan atenton de la verkisto, sed kiam venis dua, tria, kvara, Balzac ekinteresiĝis pri la korespondantino, kaj, por ekscii ŝian adreson kaj nomon, li faris la saman paŝon, kiun faras nun ĉiuj junaj homoj: 'i anoncis en gazetoj, ke li volus respondi al nekonata korespondantino, sed ne konas ŝian adreson kaj nomon.

Baldaŭ li ricevis la solvon de la sekreto, sed oni povas imagi, kiel malbenis la verkisto, penante deĉifri terurajn ukrainajn nomojn, interalie la anekdote famekonatan urbon Berdyczow. Legante tian malfacile elparolatan por franco nomon, ĉu li povis antaŭvidi, ke post deksep jaroj, preskau antau sia morto, en la preĝejo de tiu strange sonanta urbo li ligos sian sorton kun la enigma korespondantino!

Tuj komenciĝis multsenta korespondado, kiu donis al Balzac tiom da amo kaj feliĉo, kiom da suferoj kaj doloroj.

La kritika literaturo pri Balzac estas grandega, ĝi egalas al tiu de Shakespeare kaj Molière. Sed la historiistoj de la franca literaturo difinis la rolon de la ukraina sinjorino en la vivo de unu el la plej grandaj francaj verkistoj, kiel rolon de „nigra anĝelo", kaj ne ŝparis por ŝi la plej malagrablajn nomojn ĝis la moka „pinde polonaise" — pola kokino!

El la samtempuloj la poloj ne povis pardoni al ŝi la edziniĝon al la „harkovrita" Balzac — la francoj, ke ŝi turmentis lin tiom da jaroj, kaj sep jarojn prokrastis la geedziĝfeston, kiu fine okazis preskau antaŭ la morto de la verkisto. Ili eĉ decidis, ke ŝi estis „sorĉistino" kaj nur per „magio" altrenis Balzac' on en sian reton.

Sed kiu estis tiu „sorĉistino", la virino, kiu kapablis „enretigi" faman verkiston, tedatan jam de amo kaj lauroj?

Sinjorino Eva Hanska (tio estis ŝia nomo) en la jaro 1833, kiam ŝi komencis la korespondadon kun Balzac, estis 27-jara virino — edzino de riĉegulo-milionulo, 25 jarojn pli aĝa ol lia edzino. Si devenis el la konata familio Rzewuski kaj estis fama pri sia intelekto, beleco kaj fiereco. Pri la virinoj de tiu familio oni diris, ke ili havas „koron en la kapo". Multaj anoj de tiu familio estis notitaj en la pola historio. El ŝiaj ses gefratoj, ŝia fratino, Karolina Sobanska, estis fama ne nur en Polujo, sed ankau en Francujo, kie ŝi, jam kiel s-ino Lacroix, gvidis unu el la plej konataj literaturaj „salonoj", kiu, kiel oni konfesis, preskaŭ egalis al la salono de la fama sinjorino Recamier. Pri s-ino Sobanska pensis Adam Mickiewicz, kiam li verkis la konatan versaĵon: „Mia Karesulino", kaj Chopin famigis ĝin tra la mondo, komponinte al ĝi belan muzikon.

La anoj de tiu familio, malgraŭ ke ili estis neordinaraj kaj talentaj, estis kondamnitaj al malfeliĉo. La familia legendo rakontis, ke la malfeliĉo estis kaŭzita de malbeno de la unua pra-familiano, kiu, enmurigita en la kastelturon de sia filo, ĵetis la malbenon sur lian idaron.

Ĉu sinjorino Hanska estis bela?

Unu el la samtempuloj, kiu vidis ŝin jam en Francujo, rakontis, ke ŝi, malgraŭ sia iom dika figuro, estis bela virino: miraklaj manoj, delikata kaj klara haŭto, „nebulitaj" okuloj, voluptemaj lipoj kaj kapo ĉirkaŭata de bukloj lau la „angla maniero".

La geamantoj intervidiĝis malofte dum tiuj deksep jaroj, antaŭ ilia geedziĝo.

Jam estis ebla por ŝi la geedziĝo kun Balzac, sed sinjorino Hanska prokrastis ĝin. La kauzo (aŭ preteksto?) estis: neceseco de aranĝo de heredaĵo. Tion ne povis pardoni al ŝi la francaj historiistoj de literaturo! Sed unu franca balzakisto, Sro Bouteron, klarigis la aferon: en tiu tempo riĉa heredantino-polino havis multajn malhelpojn.

Kontraŭ ĉiuj riproĉoj ŝi defendas sin en la leteroj al sia frato: „se mi volus, ŝi skribis, rompi la vivon de fama verkisto, mi farus krimon, kiun neniu al mi pardonus".

Ciulokaze Balzac neniam faris similajn riproĉojn. Kontraŭe, li substrekis, ke sinjorino Hanska estis al li „l' âme inspiratrice" — la animo lin inspiranta — kaj estas konate, ke la rakonto de Balzac „Modesta Mignon" estis inspirita de sinjorino Hanska. Estis ankaŭ konstatite, ke ŝi inspiris Balzac kaj estis lia perantino dum lia studado de verkoj de Svedenborg.

El ĉiuj leteroj de sinjorino Hanska rigardas la virino, kiu humile kaj kviete fariĝis la servantino de sia sorto kaj malgrau siaj kulpoj ŝi restis ĉiam fidela al la idealo de sia vivo.

**R. Sakowicz.**

# RECENZO

**Galileo Galilei.**

de Bento de Jesus Caraça, el la portugala tradukis Manuel de Freitas; 1948, eldonis Portugala Eldona Rondo, Monte da Lapa, 49—1.º, Porto (Portugalio), 62 paĝoj, formato 19½×13½, prezo ne montrita.

La ĉeftemo de la libro estas, kiel ankau ĝia subtitolo diras, prezento de la „scienca kaj morala valoroj" de la verko de Galileo Galilei. La scienca verkado kaj vivo de Galileo estas prezentita sur 9 paĝoj. Pluaj 9 paĝoj prezentas fragmentojn de la proceso kaj precipe plejparton de teksto de la kurioza, mezepokstile ceremonia verdikto per kiu dek „pro la Dia graco kardinaloj de la Sankta Romkatolika Eklezio, speciale delegitaj de la Kristana Respubliko kiel Ĉef-Inkvizitoroj de la Apostola Sankta Seĝo kontrau la hereza malbono" — kondamnis Galileon al formala karcero kaj al pentofara devo dum tri jaroj ĉiusemajne foje eldiri sep pentofarajn psalmojn, pro lia „falsa kaj kontraŭ al la Sanktaj kaj

# La novelo de la progreso

*Beletra konkurso.*

*Limdato: 1 julio, 1949.*

Ĉiu beletra revuo de la mondo lamentas, ke mankas noveloj, ke estas granda malsufiĉo pri tiu mallonga proza verkospeco, kiun la angloj nomas „short story".

Ties kaŭzo certe estas tio, ke la vivoformoj de la nuntempo ankoraŭ ne tute trovis siajn literaturajn esprimformojn. Se iu eĉ povas ekvidi la rilaton de la sentanta homo al la moderna labormaŝino, al la kontora organizaĵo aŭ al la agrokultura granduzino, je ties arta esprimo li estas kapabla nur tra longaj priskriboj, tra mozaiko de mallongaj okazaĵoj, do per formo de romano.

En novelo ĉiam ankoraŭ estas pli „arta" la kandelo, ol la neontubo, pli „literatura" la ponardo ol la pistolo. Verki pri poeto, pluganto aŭ vagabondo estas pli „belefekte" ol pri dulibristo, betonlaboristo aŭ traktoristo. Kaj tiel plu.

L. M. anoncas nun konkuron de realista novelo pri la moderna evoluinta kaj progresiva vivo kaj pri ties homo, kiu la evoluon jesas kaj direktas, akceptante ĝin kiel sian vivoformon. Ni atendas de la novaj noveloj la senperan forton de travivaĵo, la fotografan akrecon de la priskribo, la kuraĝan montron de la realo. Ĝuste tial, ni nin turnas ankaŭ al tiuj, kiuj havas nenian verkistan pasecon. Ili priskribu sian propran vivon, lukton, sukceson. Ili prezentu veran bildon pri la medio, en kiu ili vivas, pri la laboro, kiun ili faras. Ili montru, ke la nunaj formoj de la vivo ne estas malpli belaj, malpli enhavriĉaj, ol tiuj de la pasintaj tempoj. Ni atendas de ili optimisman realismon.

La redaktoraro de L. M., prijuĝinte la ensenditajn konkurnovelojn, premios la tri plej bonajn el ili. La unua premio estas 300, la dua 200, la tria 100 forintoj. La redaktoraro rezervas al si la rajton, sendi por la mono Esperantajn librojn, se la sendo de mono estas barata de juraj malfaciloj. L. M. rajtas publikigi ankau nepremiitajn konkur-novelojn: ties verkintojn ĝi honorarias per 50 forintoj (au per libroj samvaloraj).

La konkurverkaĵojn oni subskribu per devizo, kaj oni aldonu koverton, sur kiu estas skribita la sama devizo, kaj kiu enhavas la nomon kaj adreson de la verkinto.

Ĉiuj rajtoj pri la premiitaj aŭ suprakondiĉe publikigitaj verkoj apartenas al L. M. Manuskriptojn ni ne resendas.

Ni esperas, ke konkursantoj sin anoncos en granda nombro; estus vere ĝojige, se per tiu konkuro komenciĝus nova florado de la Esperanta novel-literaturo.

---

Diaj Skriboj" doktrino, lau kiu „la Suno estas la centro de l' mondo kaj ne moviĝas de oriento okcidenten, kaj la Tero moviĝas kaj ne estas la centro de l' mondo".

La ceteraj pli ol du trionoj de la valorega enhavo de ĉi libro parolas pri la evoluo de la du antagonismaj teorioj, geocentrismo kaj heliocentrismo kaj pri la kun ĉi teorioj ligita evoluo de kelkaj aliaj teorioj de la fiziko antaŭ kaj post Galileo, por tiamaniere difini lian lokon kaj signifon de lia rolo en la evoluo de la scienco. Kaj la plej interesaj estas la sociologiaj kaj filozofaj konkludoj pri la evoluo de la sciencoj, rilatoj inter la scienco kaj religio kaj pri la klasa karaktero de kontrausciencaj bataloj. La belecon kaj valoron de tiuj paĝoj plej bone ilustros la sekvaj fragmentoj de la teksto:

„....ekzistas... ideoj... kies vivoforto ne ebligas al ili transvivi la kreon de novaj, sed kiuj tamen sukcesas postvivi sin mem, aliiĝante en siajn proprajn fantomojn. Batalado kontraŭ la kreaj ideoj okazas en la nomo de tiu grupo de fantomaj ideoj. Ilia frunto estas turnita al la estinteco, kaj ili klopodas tiri la sociojn en *sian* estintecon, kun la espero per tio retrovi la medion, kiu redonos al ili la perditan vivon.

Kiu homo ne rimarkis ĉirkau si la haltigan efikon de l' fantomaj ideoj kaj ne sentis ilian batalon en sia propra sino, penantan lin subigi, lin treni en tiujn malhelajn regionojn, kiujn ne atingas la brilega lumo de la nemortipovaj ideoj?"

Jen, kiel batalis la mezepoka kristanismo kontraŭ la scienco: „La scienco por kio? Se la filozofoj kaj la scienculoj kapablus bone gvidi la homojn, la veno de la savanta Kristo ne estus estinta necesa.

La observado pri la naturo? Kiajn rezultojn ĝi povas doni? La sentokapabloj estas malperfektaj, kaj kian intereson havas ekzameno kaj studo pri la putrema materio de tiu ĉi humila ekzisto? Ne, bezonata estas ne tio, sed la preparo de la animo por eniri la regnon de Kristo. La homo havas originan malbonon, la pekon, kaj tial li estas ĵetata en tiun ĉi malperfektan mondon; ke li profitu sian surteran ekzistadon por sin purigi kaj sin perfektigi, kaj poste leviĝi al la supera mondo de l' neputremo kaj nematerieco.

La vero? Kiu soifas pri ĝi, tiu trovas ĝian unikan fonton en la sanktaj skriboj."

„La edziĝo de la scienco kun la religio ne estas libera kuniĝo de du entoj, kiuj, sin interkompletige, reciproke sin realiĝas; kontraŭe, ĝi estas kontrakto, per kiu unu el la kontraktantoj sin devigas servi la alian."

„La religioj ne celas scion; iliaj iretoj en la regionojn de l' raciaj konstruoj okazas, ne kun la intenco neprofiteme esplori, sed por akiri ideosistemon, kiu servu kiel subtenilo al ilia etika doktrino."

„La sintenoj de la scienco kaj de la religio antaŭ la esplora problemo estas do tute malsamaj. Kaj neniaokaze tiu malsamo aperas tiel akre elstara, kiel antaŭ la eraro. Por la scienco la eraro estas, oni povas diri neparadokse, la plej aktiva el ĝiaj agantoj — ĉar estas ĝi, kiu ĉiuokaze montras, ke la interpretantaj doktrinoj ne ĝuste konformiĝas al la rezultoj de observado, kio tuj kaŭzas doktrinan renovigon signifantan transiron al pli alta grado de scio —, sed la religio estas sensenta koncerne la eraron kaj la racian kontraŭdiron; ĝi klopodas konservi integra sian sistemon de ideoj, forlasante ion nur tiam, kiam ties plukonservado fariĝas danĝera al la firmstareco de ĝia konstruo.

Oni do povas diri, ke la progreso de l' scienco plenumiĝas per akiro, per konstanta aldono de novaj ideoj al ĝia fronto, sed la progreso de l' religio okazas inverse, per forlaso, ĉe ĝia posto, de fantomaj ideoj, kies plua konservado fariĝis jam neebla."

„La karakterizilo de la scienca valoro de iu epoko estas unu el tiuj ĉi du aferoj: aŭ la naskiĝo de kreantaj ideoj, tuj poste ĉiudirekte jetataj, kaj kies lumantan postsignon oni mezuras per la fekundaj sugestoj, kiujn ĝi naskas, per la agitado, kiun ĝi elvokas kaj per la reagoj, kiujn ĝi kaŭzas; aŭ la kunfluiĝo de tiuj ideoj kaj de aro de aliaj ideoj, iliaj satelitoj, kiuj de diversaj punktoj de la horizonto, subite venas por kuniĝi, unuiĝi, preparante vastan sintezon de ĉiuj konoj ĝis tiam akiritaj. De la unua speco estis tiu ĉarma periodo ekirinta de la 6-a ĝis 4-a jarcento antaŭ Kristo, en antikva Grekio; de la dua speco estis tiu periodo, kiun konsistigis la 16-a kaj la 17-a jarcentoj niaepokaj."

Respondante la demandon, kial la kristanismo tempe de Galilei subtenis la geocentrismon kaj aliajn jam tiutempe „fantomajn" kontraŭsciencajn doktrinojn, la aŭtoro diras, ke tio „ĝuste konvenis por tenadi en ekvilibro socialan staton, ĉe kiu la bonaĵoj de l' vivo estis ĝustaj de eta malplimulto". „La plimulton, frakasan sed malkleran, oni devis, por ke ĝi ne ekkonsciu pri sia forto, tenadi en kulto al sia propra neperfekteco kaj sendigneco."

Post amaso de la beletraj tradukoj kaj originaloj en Esp-o, Portugala Eldona Rondo faras unu el la plej seriozaj ĝisnunaj klopodoj grandnombre publikigadi valorajn popularsciencajn librojn en esp-a traduko, kio precipe gravas, ĉar Esp-o estas, unuavice, internacia lingvo de la laborantaj amasoj, kaj tial ĝi devas fariĝi ankaŭ riĉa klerigfonto de tiuj amasoj. Kaj ĉi libro estas tre valora kontribuo al la popularscienca literaturo en Esp-o.

La traduklingvo estas zorge prilaborita, krom kelkaj etaj malĝustaĵoj. Iom ofte estas sennecese uzitaj sufiksoj, precipe „ad" kaj „ec". Plurfoje estas uzita „lokigi" anstataŭ „loki". En la frazparto „movo de planedoj" pli ĝusta estus *„moviĝo de planedoj"*. Anstataŭ „cirkunferenco" en la traduko, en Plena Vortaro troviĝas „cirkonferenco".

La papero kaj preso estas tre bonaj. La titolpaĝo havas trafan portreton de Galileo Galilei.

**B. Vanĉik**

**Tutmonda Junular-Organizo.**

M. v. d. Horst. 16 paĝa kajero. Eldono de TJO centro, V. Graftdijk, Nederlando Prezo: unu resp. kup.

La kajero koncize prezentas la historion, celon kaj laboron de tiu sola esperantista junularorganizo. Kelkaj sukcesaj someraj internaciaj tendaroj pruvas la valoron de TJO, kiu estas fakorganizo de UEA kaj lasttempe enfandis la Denaskan Esperantistaron. Ĝi havas perantojn en 20 ŝtatoj. Por la malalta kotizo, oni donas ankaŭ la monatan revuon „Juna Vivo" kun fakoj por Esperanta instruisto, skoltoj, bonhumoro, junulara vivo.

**PB.**

**Povo sukcesi**

Henry Thomas Hamblin. El la angla trad. F. W. Hipsley. Propra eldono, adreso: Seventeen, Abbots Road, *Birmingham*, Fourteen, Anglujo. Prezo 1 shil. 4 resp. kup. 28 paĝoj.

Filozofia verketo por optimisma vivrigardo, donata konsilojn, kiel formi la mensan pripensadon, por ke la sukceso estu certigita kaj anime kaj materie. Ne eblas mallonge skizi la enhavon. Multaj bonaj instruoj kaj konsiloj: la misuzo de la mensaj fortoj povas frakasi la homan vivon! „Se ies okupo ne utilas al la komunumo, gi velkas kaj formortas" por cedi lokon al tiu, kiu pli efike servas. La sukceso dependas de la mensa stato, ke oni firme fidu la internan Potencon de la homo akiri sian celon. Sed la celo *ne estu egoisma*, ĝi estu *„servado al la vivo kaj la mondo"*. Eble plej bone redonas la sencon de la ĉefa instruo: *„Donu al la mondo la plej bonan el tio, kion vi havas, kaj la plej bona revenos al vi"*. (Ella Wheeler Wilcox.)

**P. B.**

*

De la sama verkisto estas haveblaj senpagaj folioj: *La paco. Taŭgo. La vivo transformita.* Adreso supra.

## NIAJ REPREZENTANTOJ

*AUSTRALIO:* F. V. Taylor, *Albury*, N. S. W. 653 Jones Street.

*AUSTRIO:* Librovendejo „Tramondo", *Wien*, I., Neutorgasse 9.

*BELGUJO:* Flandra Esperanto Instituto, *Brussel*—West, Pieter van Humbeckstr. 3.
Belga Esperanto Instituto, *Antwerpen*, 127 Lange Leemstraat.

*BRITUJO:* Universala Esperanto Asocio, Heronsgate, *Rickmansworth*.

*BULGARIO:* Internacia Kulturo, *Sofio*, str. Tri Usi 15.

*ĈEĤOSLOVAKIO:* „Revuo Esperantista", *Praha*, Uralské Nám 9.

*DANUJO:* Libro-Servo de CDEL, *Kopenhago*, Pr. Jorgensgade 4 A.

*FINNLANDO:* Vilho Setälä, *Helsinki*, Onnentie 23.

*FRANCIO:* Unuiĝo Esperantista por Francio, *Paris*, 10 e. 34 rue Chabrol.

*HUNGARIO.* Béla Berceli, *Budapest*, VIII., Rökk Szilárd-str. 28. Poŝtĉekkonto nro. 4014.

*ITALUJO:* Luigi Minnaja, Roma, Viale Giulio Cesare 223.

*JUGOSLAVIO:* Slovenia Esperanto Ligo, *Ljubljana*, Cankerjevo Nabrazje 7/1.
Kroatia Esperanto Ligo *Zagreb* II. Amruseva 5/1.

*NEDERLANDO:* Nederlanda Esperanto Centro, *Rotterdam* W. Huygensstraat 17. B.

*NORVEGIO:* Norvega Ligo Esperantista, Librofako, OSLO, Boks 942.

*POLUJO:* Isaj Dratwer, *Warszawa*, Sienna 60, Poŝtĉeka konto I. 8266

*PORTUGALIO:* Saldanha Carreira Jorge, *Benfica*-Lisboa. Grao Vasco 33, r/c.

*RUMANIO:* Societo Esperantista Rumana, *Bukuresti*, Casuta Postale 9.

*SVEDUJO:* Förlagsföreningen Esperanto, *Stockholm*, 19, Fack 19.071.

*USONO:* Esperanto Asocio de Nord-Ameriko, *New-York* 11, 114 West 16-th Street.

---

Kiuj deziras reprezenti la „Esperanto Film-Grupo"-n en sia lando, bonvolu sin anonci grandnombre el ĉiuj landoj. Antwerpse-straat 45. Bergen op Zoom (Nederlando).

## INFORMOJ DE LA ADMINISTRACIO

Pro personaj kaŭzoj de la administranto la nuna numero bedaŭrinde multe malfruiĝinte trafas la abonantojn. La sekva numero aperos jam post monato kaj la postaj numeroj refoje ĉiam aperos regule en la fiksita tempo. Pro la malfruo ni petas afablan pardonon.

**La administranto.**

La nunan numeron ni sendas al ĉiuj pasintjaraj abonantoj, ankaŭ al tiuj samideanoj, kiuj ankoraŭ ne reabonis. Ni petas illn, bonvolu senprokraste renovigi la abonon!

Felelős szerkesztő és kiadó: Berceli Béla. — Globus, Budapest, VI., Aradi-u. 8. — Felelős vezető: Kósa Zoltán